1a jaro. 9a numero.




# BELGA ESPERANTISTO

## Monata Revuo

Oficiala organo de la BELGA LIGO ESPERANTISTA

REDAKTATA DE

Léon CHAMPY, Fr. SCHOOFS,
VAN DER BIEST-ANDELHOF,
Jer. VAN LAERE,
kaj Oscar VAN SCHOOR.

**kaj la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.**

JULIO 1909

*ENHAVO :*



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = 16 sd.*

ANTVERPENO
(Antwerpen — Anvers)
Eldonanto : FR. SCHOOFS, 49, Kleine Beerstraat (Rue de la Pte Ourse.)

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE — COTISATION ANNUELLE):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00
Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . . Fr, 10.00
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . . . . . . . . Fr. 25.00

---

## Honora Komitato:

S roj F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
D ro V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antverpeno.
D ro GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj de Blinduloj, Woluwe-Bruselo.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo Bruselo.
MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.
O. ORBAN, profesoro ĉe la Universitato Lieĝo.
ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

# AGADA KOMITATO:

Prezidanto : S-ro Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).
Vice-Prezidantoj : S-ro A.-J. Witteryck kaj S-ro Abato Richardson.
Generala Sekretario: S-ro L. Champy, 21, Lange Herenthalsstraat (Longue Rue d'Herenthals), Antwerpen-Anvers.
Kasisto : S-ro Osc. Van Schoor, 20, Vondelstr., (Rue Vondel) id.

---

## Membroj elektitaj de la Ĝenerala Kunveno :

S-roj L. Champy, (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D-ro R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

## Delegitoj de la Grupoj :

ANTVERPENO (1) (*Antverpena Grupo Esperantista*), S-roj Ad Finet, Van der Biest-Andelhof.
» (*La Verda Stelo*), S-roj J. B. Istace, Fr. Schoofs.
» (*La Suda Lumo*), S-ro Fl. De Keyser.
BERCHEM (*Berchema Grupo Esperantista*), S-roj Ad. Goossens, Ant. Havermans.
BEYNE-HEUZAY (*Antaŭen*), S-roj Jules Albert, D-ro Dupont.
BOOM (*Booma Grupo Esperantista*), S-ro Jules Clerbaut.
BORGERHOUT (*Laboro*) F-ino Maria Posenaer.
BRUĜO (2) (*Bruĝa Grupo Esperantista*), F-ino B. Ledène, S-ro A. J. Witteryck.
BRUSELO (3) (*Pioniro*), F-ino A. Guilliaume, S-ro Oct. Chalon.
» (*La Zamenhof*), S-ro Louis Grégoire.
HUY (*Esperantista Grupo*), S-ro H. Thiry.
KARLOREĜO (4) *Karloreĝa Grupo Esperantista*),S-ro L. Delvaux
MARIABURG (*Verda Flago*), S-ro Fr Willemsen.
MORESNET-BELGA (*La Fidelaj Amikoj de Zamenhof*), S-ro P.J. Schmetz.
MORESNET NEŬTRA (*Amikejo*), S-ro Karl Schriewer.
NAMUR (*Namura Stelo*), S-ro A. Verbeken.
NIVELLES (*Grupo Esperantista*), . . . . .
S[ta] TRUDO (5) (*Excelsior*), S-ro Fr. Leenen.
» (*Stelo Matena*), S-ro Pol Stappers.
VERVIERS (*Esperantista Grupo*), S-ro Jos. Parotte.

---

(1) Antwerpen, Anvers. — (2) Brugge, Bruges. — (2) Brussel Bruxelles. — (4) Charleroi. — (5) St Truiden, St Trond.

# ESPERANTA GAZETARO

## I. — SPECIALAJ GAZETOJ :

**Oficala Gazeto Esperantista.** — 5 fr. — *51, rue de Clichy, Paris.*

**La Esperanta Kolektanto.**— 2 fr.— *Weltwarte*, Leipzig St, (Germanujo).

**Esperanta Ligilo**, en reliefpunktoj, por blinduloj. — 3 fr. — Th. Cart, *12, rue Soufflot, Paris.*

**Espero Pacifista.** — 5 fr. kun laŭvola aligo al la Esperantista Societo de Paco. — Gaston Moch, *26, rue de Chartres, Neuily sur-Seine* (Francujo).

**Espero Katolika.** (4 fr.) 5 fr. — Administrejo 23, *rue Joubert, Paris.*

**Internacia Pedagogia Revuo.**— 2 fr. 75.— en *Bystrice-Hostyn* (Aŭstrio, Moravio).

**Internacia Scienca Revuo.** — 7 fr. — Internacia Scienca Oficejo, *8, rue Bovy-Lysberg, Genève* (Svisujo).

**Tra la Filatelio**, internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj.— (2 fr.) 2 fr. 50 — Fize, *au Patissou, Béziers* (Francujo).

**Voĉo de Kuracistoj.** — 2 fr. 50. — D^ro^ Stephan Mikolajski, 6, strato Sniadeckic, *Lwow* (Aŭstrio).

**Export-Esperantist.**— (Esp.-Angle) 5 fr. — *404, Security Bdlg, Chicago*, Ill. U. S. A.

## II. — ĜENERALAJ KAJ BELETRISTIKAJ GAZETOJ :

**Eĥo Esperantista.** — 2 fr. 50. — J.-H. Schorer, *Wilhelmstr., 29, Berlin.*

**Esperanta Internacia Revuo**, industria, komerca, eksporta, filatelia reklama kaj literatura. — 5 fr. 15. — *Ulloi-ul, 59, Budapest.*

**Esperanto**, dusemajna. —(4 fr.) 5 fr. — Librairie de l'Esperanto, *15. rue Montmartre, Paris.*

**Espero** (Ruse), internacia revuo de la kultura unuigo de popoloj, organo de la Societo *Espero.* — 10 fr. — *Vjestnik Znania, 147, Nevsky pr., Peterburgo.*

**Juna Esperantisto**, Por junuloj, instruistoj kaj lernantoj. — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, *33, rue Lacépède, Paris.*

**La Bela Mondo**, ilustrata.— (Mk 6) fr, 7,50.— F. Emil Boden, *12, Bismarckplatz, Dresden.*

**Lingvo Internacia.** — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, 33, *rue Lacépède, Paris.*

**La Revuo**, literatura, kun konstanta kunlaborado de D^ro^ Zamenhof.— 7 fr.— Hachette, 79, *rue Saint-Germain, Paris.*

**La Spritulo**, gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro, — 3 fr.— Richard Bresch, Körnerstr., 31, *Leipzig* (Germanujo).

## III. — NACIAJ PROPAGANDAJ GAZETOJ :

*Alĝerio* — **Afrika Esperantista** (France).— Senpaga por la membroj de la grupo de Alger.— 4, *rue du Marché, Alger.*

*Aŭstralio.* — **The Australian Esperantist.** — 0 fr. 30 por ĉiu numero.— R. Dossor, *Bridgestreet, Benalla* (Viktorio).

*Aŭstrio.*— **Informaj Raportoj** (Germane).— 2 fr.50.— K. F. Ahlgrimm, *Bandgasse, 31, Wien* VII/1. (Vidu ankaŭ : *Bohemujo).*

*Azia Turkujo.* — **Greklingva Esperantisto.** (Greke-Esp.) — (Piastr. 11.35) 3 fr. — *Samosa Esperantista Societo*, Samos (Azia Turkujo.

*Belgujo.* — **Belga Esperantisto** (Esp., Flandre kaj France) — (4 fr.), 5.00). — Osc. Van Schoor, *20 Vondelstraat, Antwerpen.*

*Bohemujo.* — **Časopis Českych Esperantistu** (Boheme). — (3 Kr.) 3 fr, 75. — *Praha II.*

*Bohemujo.* — **Bohema Esperantisto** (Esp., kaj Boheme). — 4 fr., 25. — Red., *Praha III*, 495 (J, Iglauer), Adm., en *Jeviĉko* (Aŭstrio, Moravio).

*Brazilo.* — **Brazila Esperantisto** (Portugale), — 6 fr, — *Largo de S. Francisco de Paula*, 4, Sob., *Rio de Janeiro.*

*Britujo.* — **The British Esperantist** (Angle). — (3 ŝil.). 4 fr. — *Museum Station Buildings*, 133-136, *High Holborn Londen. W. C.*

*Britujo.* — **La Esperanta Instruisto** (Angle). — (1ŝ. 6 p,). 2 fr. 50, — *Stead's Publishing House*, 39 *Whitefriars street Londen, E. C,*

*Britujo,* — **La Londona Gazeto** (Angle). — C. A. Fairman. 70. *Romola-road, Herne Hill*, London S. E.

*Bulgarujo.* — **Lumo** (Bulgare). — (3 fr. 50) 5 fr. — *Tirnova.*

*Ĉilo.* — **Ĉilo Esperantista** (Hispane) — 2 fr. — *Casilla* 1989, *Santiago.*

*Ĉilo,* — **La Du Steloj** (Hispane). — 5 fr. — 1437, *calle de la Catedral, Santiago.*

*Ĉilo.* — **Esperantaj Skribaĵoj** (Hisp.), — 1 fr. — *Casilla* 12 84, *Santiago*

1a JARO. JULIO 1909. 9a NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO,

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen Anvers.

Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.

Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# La unua belga esperantista kongreso

**(Verviers, la 27an-28an de Junio 1909)**

La unua belga esperantista kongreso havis grandan signifon kaj klare montris, kion la belgaj esperantistoj volas.

Rememorante sian belan nacian devizon « Unueco donas fortecon » ili volas kunigi siajn klopodojn por atingi la komunan celon, sed la fundamento de tiu unueco devas esti la fideleco al la Zamenhof'a Esperanto kaj la fido en la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio.

Esperanton ili volas propagandi sed ne plagiaton de ĝi !

Tio de longe estis en ilia koro, tion solene ili deklaris en Verviers !

« Belga Esperantisto » neniam okupis sin pri personaj demandoj kaj neniam diris malafablaĵojn aŭ mokaĵojn al tiuj, kiuj volas serĉi laŭ alia vojo la solvon de la problemo de l'internacia lingvo. Io alia tamen estas konstati la fakton, ke de la ĉeso de la longaj, senfinaj diskutoj aŭ altrudoj pri reformoj, de la momento kiam malkonfuza situacio deklariĝis, la fido renaskiĝis en la vicoj de la esperantistaro kaj nova, fervora propagando rekomencis.

Fervora kaj efika propagando !

Nia belega kongreso estas brila atesto pri tio, kaj certe niaj samideanoj el ĝi konkludos, kiom multe pli labori superas diskuti, kiom multe pli konstrui valoras ol detrui.

# LA AKCEPTO

Je la 10ª matene multnombraj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj kunvenas en la salonego de la Verviers'a societo « Aide Mutuelle », sidejo de la esperantista grupo, kaj superflue flagornamita.

La multnombreco de la ĉeestantoj, kiuj entuziasme sa'utas konatajn amikojn kaj konatiĝas kun novaj samideanoj, de tiam favore aŭguras pri la sukceso de la kongreso.

Duonon da horo poste, la delegitoj de la grupoj, la invititaj fremdlandaj esperantistoj kaj la anoj de la organiza komitato estas akceptataj en la urbdomo, kie ilin atendis S-ro Spinhayer, Skabeno de la Publika Instruado kaj delegitaro de la Urbestraro.

**S-ro Parotte**, la vigla kaj simpatia prezidanto de la Verviers'a grupo kaj de l'organiza komitato de l'kongreso, prezentas la ĉeestantojn al la urbaj aŭtoritatuloj. Li sin esprimas franclingve kaj diras :

« *Messieurs les Echevins, Messieurs les Conseillers,*

« Permettez-moi, au nom de l'Esperantista Grupo de remercier l'administration communale de Verviers qui a bien voulu recevoir officiellement les délégués espérantistes à l'Hôtel de Ville.

« J'ai l'honneur de vous présenter, Messieurs les représentants des groupes affiliés à la Ligue Espérantiste Belge et à leur tête, M. Van der Biest, président, MM. l'abbé Richardson et Witteryck, vice présidents. Je vous présente ensuite les espérantistes étrangers, français, allemands et hollandais ; qu'il me soit permis de citer M. Carlo Bourlet, président de la fédération des groupes parisiens ; M. Gabriel Chavet, de Paris, secrétaire général du comité permanent des congrès universels d'Esperanto, et M. Alfred Meyer, président de la fédération des groupes espérantistes rhénans. Je vous présente enfin le comité du groupe espérantiste de Verviers qui remercie une fois de plus l'Administration Communale pour cette marque précieuse d'estime qu'elle donne au mouvement espérantiste. La réception qu'elle a bien voulu accorder aux délégués du congrès est pour celui-ci la plus belle des sanctions. *(Laŭtaj aplaŭdoj.)*

**S-ro Spinhayer**, franclingve, esprimas afablan bonvenon al la gekongresanoj, kiujn la urbo Verviers estas feliĉa akcepti. Li tre alte taksas la rolon de la internacia lingvo kaj la grandajn servojn kiujn ĝi povas fari al liaj samurbanoj, loĝantaj apud la limo de du malsamlingvaj landoj, kun kiuj ili havas gravajn, konstantajn komercajn rilatojn. Nu, la diverseco de la lingvoj estas tre granda malhelpo al tiuj rilatoj.

La oratoro deziras tutkore la triumfon de Esperanto por ke Belgoj, Germanoj, Holandanoj kaj alilandanoj povu inter-

kompreniĝi, uzante nur unu lingvon, Esperanton, la saman por ĉiuj.

La kunvenintaro entuziasme aplaŭdas la paroladon de la honorinda S-ro Skabeno, kaj aŭskultas poste S-ron Van der Biest-Andelhof, prezidanton de la Ligo. Jen lia parolado :

« *Messieurs les Echevins, Messieurs les Conseillers,*

« La Ligue Espérantiste Belge est très sensible à l'honneur que vous lui faites en recevant ses délégués dans votre bel hôtel communal, et c'est en son nom que je vous en exprime ma plus vive reconnaissance.

« L'expression de ma gratitude s'adresse spécialement à M. Spinhayer, Echevin de l'Instruction Publique et président d'honneur de la Verviers'a Esperantista Grupo, qui, en nous souhaitant une cordiale bienvenue, s'est fait l'éloquent interprête de ses collègues du Conseil.

«Par le sympathique accueil qu'elle nous réserve aujourd'hui, l'édilité verviétoise montre combien elle apprécie l'importance du mouvement espérantiste, qui est une œuvre de progrès, de paix et de fraternité.

«L'Esperanto, création géniale du Dr L. L. Zamenhof, de Varsovie, date de 1887. Il fut d'abord accueilli par l'indifférence, les moqueries et l'hostilité d'un public qui bien souvent ne discerne pas, mais il s'attira bientôt l'attention des intellectuels, des savants, et il put se réjouir du concours de partisans décidés et de propagandistes enthousiastes qui en firent connaître les remarquables beautés, l'immense utilité et les nobles tendances.

« Et le voilà maintenant, se répandant dans le monde entier, sous toutes les latitudes ; chez tous les peuples, sans distinction de race ni de couleur ; dans les classes dirigeantes comme chez les humbles ; dans l'industrie, le commerce, la science, le tourisme — en un mot dans toutes les branches de l'activité humaine.

« En Belgique, l'Esperanto a trouvé de nombreux et de fervents adeptes. La Ligue espérantiste belge compte actuellement 20 groupes, représentant au delà de 2000 membres ; il existe en outre une dizaine de groupes non encore ligués et un grand nombre d'espérantistes isolés.

« Votre bonne ville, Messieurs, n'est pas restée en arrière. Et nous devons à l'Esperantista Grupo, présidée par mon cher ami, M. Joseph Parotte, l'organisation du présent congrès, qui promet d'être très brillant et qui occupera une place d'honneur dans les annales de l'espérantisme en Belgique.

« Messieurs, au nom de la Belga Ligo Esperantista, je vous réitère mes plus sincères remerciments et je forme des vœux chaleureux pour le bonheur et la prospérité de la ville de Verviers. »

La kunvenintaro varme aklamas la paroladon de la estimata prezidanto de la Ligo, kune kun tiu de S-ro **Carlo Bourlet**, kiu en la nomo de la eksterlandaj esperantistoj, adresas al la Verviers'a urbestraro sincerajn dankvortojn pro la efika kaj afabla apogo kiun ĝi donis al la *sola* praktikata kaj praktikebla lingvo internacia, al Esperanto.

Intertempe, la ŝampanvino ŝaŭmas en la pokaloj kaj oni trinkas, ree dankante la Urbestraron kaj je l'sukceso de la kongreso....

## LA KUNSIDO

Je la 11ª komencas en la salonego de l' « Aide Mutuelle » la ĝenerala ĉiujara kunsido de la Ligo.

S-ro Van der Biest-Andelhof prezidas. Flanke de li sidas S-roj Witteryck kaj Abato Richardson, vicprezidantoj ; Léon Champy, ĝenerala sekretario kaj Oscar Van Schoor, kasisto ; Fr. Swagers, komitatano de la Ligo ; Jos. Parotte, prezidanto de la organiza komitato ; Carlo Bourlet kaj Gabriël Chavet el Parizo kaj Alfred Meyer, prezidanto de la Rejnlanda Esperantista Ligo.

Proksimume 200 gesamideanoj ĉeestas la kunvenon. Preskaŭ ĉiuj grupoj estas riprezentataj. Citindaj estas la eksterlandaj esperantistoj ; krom S-roj Bourlet, Chavet kaj Meyer oni rimarkas la jenajn germanajn samideanojn : S-ron Wilhelm Hentze el Dusseldorfo ; S-ojn Coblenzer, farmaciisto, Anambusch kaj F-inon Chalmot el Kolonjo ; S-inoj Paula kaj Hedwig Bröcking, Maria Metz, Maria Kerschgens, Elise Busch, Josefine Melskens ; — S-rojn Wilhelm Hölnhe, Bruno Hertz, Ferdinand Esses, Josef Scheuter el Aĥeno kaj holandan samideanon el Mastriĥto, kies nomo ni bedaŭrinde, ne eksciis.

S-ro **Van der Biest** elparolas la jenan paroladon :

« *Estimataj Gesamideanoj !*

« Malfermante la nunan kunsidon, mia unua vorto devas esti vorto de danko al la Urbestraro de la ĉarma urbo kies gastoj ni hodiaŭ estas, — de danko al la Verviers'aj esperantistoj kiuj tiel sukcesplene organizis tiun ĉi belan kongreson, — de danko al la eksterlandaj samideanoj kiuj bonvolis respondi al la alvoko de la Komitato de la B. L. E., — de danko al miaj samlandanoj, alvenintaj el ĉiuj flankoj por pruvi kiom granda estas sia fervora sindono al la granda kaj nobla esperantista movado.

« Geamikoj eksterbelgaj kaj belgaj, via ŝatinda multnombra ĉeesto plenigas min je ĝojo, kaj tutkore mi diras al vi varman kaj entuziasman bonvenon !

« Bonvenon en Verviers ! Bonvenon ĉe la kongreso !

« La pasinta jarperiodo estas karakterizita de la energia sintenado de la belgaj esperantistoj, kiuj firmigis sian neŝan-

celeblan fidelecon al Esperanto, la glora kaj genia kreitaĵo de nia kara Majstro, D-ro Zamenhof, kies nomon mi proponas al vi saluti per viaj laŭtaj aplaŭdoj.

« Gesinjoroj ! en nia fideleco kuŝas la fundamento de nia unueco, de tiu unueco kiu donas la fortecon !

« La celo de nia Ligo, montrata en la artikolo 2ª de la regularo, estas propagandi, ekster ĉia politika aŭ religia demando, la helpan lingvon Esperanton. Nu, por ni, ekzistas nur unu Esperanto, la Esperanto de Zamenhof, kaj tiuj, kiuj verkis la regularon en 1905, neniel intencis doni iam al la agadoj de la Ligo alian direkton. Ilia intenco, Gesinjoroj, estas kaj ĉiam restos nia kaj ni klopodos por atingi la proponitan celon, ne flankiĝante.

« Mi esperas, Karaj Gesamideanoj, ke niaj interdiskutadoj estos interesaj kaj fruktedonaj, kaj ke la nuna kongreso havos por nia kara lingvo la plej feliĉajn efikojn. »

Tondraj aplaŭdoj salutas la elokventajn, energiajn vortojn de S-ro Van der Biest. Laŭtege oni aklamas la nomon de nia kara Majstro ; la ĉeestantaro, stare, svingas ĉapelojn kaj naztukojn, la entuziasmo estas ne priskribebla. Oni ekkantas la himnon « l'Espero » kaj la trifoje ripetatan : « Li vivu, li vivu, nia Zamenhof ! »

**S-ro Parotte**, je l'nomo de la Esperantista Grupo de Verviers, esprimas sian sinceran ĝojon pro la multnombreco de la samideanoj kiuj respondis la alvokon de la Ligo.

Li ricevis gratulajn leterojn kaj telegramojn el Willebroek, Nivelles, S-ta Trudo, Dusseldorf, Frankfurt, Godesberg, Worms, Zutphen, Valencio (Hispanujo) kaj Barcelono : la telegramo sendita el tiu lasta urbo venas de S-ro Pujula y Vallès, prezidanto de la kongreso (*Laŭtaj aplaŭdoj*).

Al S-ro Van der Biest estas senditaj leteroj el Bruselo, Gento, Antverpeno, Aĥeno, kaj Varsovio.

Nia kara Majstro skribas jene :

VARSOVIO, la 24ªⁿ de Junio 1909.

Al S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista,

*Kara Sinjoro !*

Volu transdoni mian koran saluton al ĉiuj partoprenantaj de la belga esperantista kongreso.

Kvankam mi ne povas esti kun vi korpe, mi tamen en la tago de la kongreso certe estos kun vi spirite.

Mi deziras al via festo plej bonan sukceson kaj mi havas profundan konvinkon ke ĝi estos brilanta kaj grava.

Vivu Belgujo ! Vivu la belgaj esperantistoj !

Via ZAMENHOF.

Post la legado de la letero de D-ro Zamenhof novaj entuziasmaj aplaŭdoj esplodas.

**S-ro Léon Champy**, ĝenerala sekretario de la Ligo, legas la sekvantan raporton pri la ĝenerala kunveno de la 20a de Septembro 1909.

**Protokolo pri la ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista, okazinta je Dimanĉo la 20a de Septembro 1908 en la ĉambrego de la «Maison des médecins» en Bruselo**

La kunsido estas malfermata je la 10 1/2a, sub la prezidanteco de S-ro **Komandanto Lemaire**, prezidanto.

Ĉiuj delegitoj de la ĝenerala kunveno ĉeestas krom S-ro D-ro van Melckebeke, senkulpigita pro malsano, kaj ankaŭ ĉiuj delegitoj de la aliĝintaj grupoj.

Granda aro da liganoj — proksimume 120 personoj — ĉeestas. Inter la kunvenintaro oni rimarkas S-ron G. Roy, el Toulouse, aŭtoron de la projekto pri Amikejo ; S-ron Rossignol, prezidanton de la Federacio de Instruistoj kaj S-ron Massau, profesoron ĉe la Genta universitato.

**S-ro Jos. Jamin**, ĝenerala sekretario de la B. L. E. legas la protokolon de la kunsido de la 28a de Julio 1907, kiu estas aprobata sen rimarko.

Poste li prezentas la raporton pri la agado de la Ligo dum la jaro 1907-08 ; tiu raporto estas same aprobata.

**S-ro Coox**, privata kasisto de la Ligo, prezentas la raporton pri la financa situacio ; la bilanco estas jam presita en la n-ro de la 18a de Okt. de la revuo « Belga Sonorilo ». La kunsidantaro aprobas tiun-ĉi raporton.

**S-ro Van der Biest-Andelhof**, vic-prezidanto, je l'nomo de la juĝantaro difinita por la akiro de la atesto pri profesora kapableco legas raporton pri la lasta ekzameno. Tiu ĉi estas aneksigata al la nuna raporto. (1) Li varme gratulas la gediplomitojn, kaj meze de la aplaŭdoj de la ĉeestantaro transdonas al ili la specialan diplomon.

Diversaj delegitoj raportas pri la agado de sia societo : S-ro Chalon je l'nomo de la Brusela grupo « Pioniro », S-ro Giminne de la Iksela grupo « Bonveno », S-ro Mathieu de la esperantista societo de Verviers, S-ro Witteryck de la Bruĝa grupo, S-ro Delvaux de la Karoloreĝa grupo kaj S-ro Schriewer je l'nomo de la grupo « Amikejo » el Neŭtra Moresnet.

**F-ino Ledène** sekretariino de la Bruĝa grupo legas deklaracion de sia societo, kiu forjetas ĉiujn ŝanĝojn enkondukotajn en Esperanton de la Delegacio kaj esprimas sian fidelecon al la Esperanto de Zamenhof kaj sian fidon en la esperantista estraro. La deklaracio de la Bruĝaj samideanoj estas entuziasme aplaŭdata.

Oni ektraktas la 6an temon de la tagordo, nome la ekzamenon de la nuna interna situacio de la Ligo kaj de la lingva demando.

La prezidanto, **S-ro K-to Lemaire**, rimarkinta ke la granda plimulto de la belgaj esperantistaj ne konsentas kun li pri la reformoj kiujn li volas enkonduki en Esperanton laŭ tiuj de la Delegacio, deklaras ke li ne plu povas resti membro de la Ligo. Konsekvence li eksiĝas kaj forlasas le prezidantecon, petante S-ron Van der Biest, vicprezidanto, anstataŭi lin por daŭrigi la kunsidon.

Prenante la prezidantecon, **S-ro Van der Biest** esprimas al S-ro K-to Lemaire kelkajn dankvortojn pri la sindono kun kiu li iam batalis por nia movado, kaj esprimas sian bedaŭron pri lia defalo.

**S-ro Massau**, profesoro ĉe la universitato de Gento, apogante la reformojn proponitajn, deklaras ke li estis unu el la unuaj Volapükistaj. Kiam progres-

(1) Vidu la numeron 1-2 de « Belga Esperantisto », p. 14.

emaj Volapükistoj volis plibonigi la lingvon, multaj ne volis akcepti ŝanĝojn kaj juris fidelecon al Pastro Schleyer; ili efektive restis fidelaj... ĝis la morto de Volapük. Hodiaŭ sama okazo renoviĝas pri reformoj en Esperanto. Oni eraras kredante ke la lingvo povos resti senmova, kaj la sorto de Esperanto estos tiu de Volapük. Neniu povas haltigi la homan progreson.

Aliaj parolantoj tuj postulas la parolvicon por kontraŭdiri la vidmanieron de S-ro Massau.

S-ro **Witteryck**, el Bruĝo, faras le jenan gravan deklaracion: La esperantistoj tute ne volas haltigi la progreson sed ili nur akceptas tiujn ŝanĝojn, kiuj estas prezentitaj de la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio, la solaj aŭtoritatoj en la esperantistaro. Tiu declaracio estas varme aplaŭdata.

**Frato Isidoro** el Woluwe-Bruselo kaj S-ro **Swagers** el Antverpeno parolas laŭ la sama senco: la celo de la Ligo ne estas sin okupi pri reformoj.

S-roj **Centner** kaj **Seynave**, ambaŭ el Verviers, parolas aukaŭ favore al ŝanĝoj, kaj S-ro **Blanjean** proponas la disigon de la Ligo. Frato Izidoro faras elokventan pledadon pri ĝia neceseco.

Oni voĉdonas pri la propono de S-ro Blanjean; ĝi estas forjetata de grava primulto, proksimume de la 3/4 de la ĉeestantoj.

Fine oni voĉdonas pri la jena tagordo, proponata de S-ro Swagers.

« La belgaj esperantistoj, aŭdinte la opinion de diversaj parolintoj, rilate
» al reformoj pri Esperanto, deklaras ke verki tiujn reformojn estas la tasko
» de la kompetentaj aŭtoritatoj, nome la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio,
» en kiuj ili havas plenan fidon, kaj decidas daŭrigi ageme la propagandon
» por la Zamenhofa Esperanto, kies evolucion fiksos la diritaj aŭtoritatoj. »

La sama plimulto akceptas entuziasme tiun ĉi tagordon kiu de nun regos la agadon de la Ligo.

La 7a temo de la tagordo estas la baloto por elekto de ses membroj de la komitato, laŭ la art. 7a de la regularo.

F-ino Lecointe, S-roj Lemaire, Jos. Jamin. L. Blanjean kaj D-ro Seynave deklaras ke ili ne plu akceptas novan mandaton.

Oni voĉdonas por anstataŭi ilin; jen la rezultato:

S-roj L. Champy, inĝeniero, (Antverpeno); Komandanto Duverdyn (Bruĝo); Abato Richardson (Bruselo); F. Swagers, profesoro (Antverpeno); D-ro R. Van Melckebeke, ĥemiisto (id.) kaj O. Van Schoor, farmaciisto (id.)

La kunsido disiĝas je la 13 1/2a horo.

La raporto de S-ro Champy estas unuvoĉe akceptata. (*Aplaŭdoj*.)

La kunsidantaro same aprobas kaj aklamas la ĉi suban **raporton pri la esperantista movado en Belgujo dum la jarperiodo 1908-'09.**

*Gesinjoroj!*

Mi havas la honoron konigi al vi la rezultaton de la agadoj de la B. L. E., de la lasta ĝenerala kunveno ĝis hodiaŭ.

Post la grava ĝenerala kunsido de la Ligo, okazinta en Bruselo la 20an de Septembro 1908, S-ro Van der Biest-Andelhof, tiumomente vicprezidanto, kunvokis la delegitojn de la grupoj, je Dimanĉo la 25a de Oktobro.

Ili difinis jene la komitatestraron:

Prezidanto, S-ro Van der Biest; Vicprezidantoj, S-roj A. J. Witteryck kaj Abato Richardson; ĝenerala sekretario, S-ro L. Champy; kasisto, S-ro O. Van Schoor.

La unua tasko de la nova komitato estis verki planon laŭ kiu oni direktus ĝian estontan agadon, konforme al la deklaracio de la 20a de Septembro lasta.

Laŭ tiu senco la Ligo ageme laboradis, kaj mi havas la plezuron konstati ke nia movado efike prosperas. Efektive, dum la Septembro monato de 1908 la B. L. E. kalkulis 14 aliĝintajn societojn ; post la okazinta skismo la grupoj de Ixelles, Laeken, Spa kaj Verviers eksiĝis sed 10 novaj grupoj aliĝis, tiamaniere kej ĝi enhavas nune 20 grupojn.

Kiel mi diris, la Esperantista Societo el Verviers eksiĝis, sed multaj el ĝiaj grupanoj ne akceptante reformeman programon tuj starigis novan societon sub la titolo « Esperantista grupo ». Dank' al ĝi kaj al ĝia agema prezidanto, S-ro Parotte, la Belgaj esperantistoj kunigas hodiaŭ ĉn la gastema urbo Verviers, kaj salutas la unuan belgan kongreson.

La morto forprenis S-ron profesoron Massau, kaj S-ro A. Lecointe postulis la forstrekon de sia nomo el la nomaro de la honoraj komitatanoj. Aliparte ni havis la plezuron enskribi kiel honoran membron S-ron D-ron V. Desguin, Skabeno de la Publika Instruado en Anverpeno.

Tiamaniere la honora komitato kalkulas 11 membrojn.

La ĉefa fakto okazinta dum la konsiderata periodo estas la apero de belga esperantista gazeto. Sub la titolo « Belga Esperantisto » aperis dum la monato Novembro revuo, eldonata en Antverpeno. Tiu ĉi ĵurnalo estas tre utila por la propagando, ĉar de du jaroj Belgujo ne plu havis esperantistan organon. La celo de « Belga Esperantisto » estas propagandi nian karan lingvon ; ĝi estas samtempe ligilo inter la belgaj kaj eksterlandaj samideanoj, ĝi ne okupas sin pri reformoj kaj enhavas tre ŝatindan literaturan fakon.

La Antverpena Grupo Esperantista, la Verda Stelo (Antverpeno), la Berchema grupo, Booma grupo, Pioniro kaj grupo Zamenhof (Bruselo), Verda Flago (Mariaburg), Antaŭen (Beyne-Heusay), la Fidelaj amikoj de Zamenhof (Belga Moresnet), Amikejo (Neŭtra Moresnet), la Esperantista Grupo el Huy, la Stelo Matena el S-ta Trudo kaj la Verviers'a Esperantista Grupo sume 14, sendis al mi raporton pri siaj agadoj.

El tiuj raportoj mi konkludas ke oni organizis dum la pasinta jarperiodo 26 kursojn, kaj ke ĝenerale ĉiuj bone sukcesis. En la plimulto da lokoj la Komunumestraro permesas uzi senpage la lernejojn por organizi la instruadon.

Mi devas rimarkigi ke nur ĉe la Antverpena Grupo la kursoj estas farataj de diplomitaj profesoroj.

La grupo « Pioniro » (Bruselo), organizis ĉiusemajnan kunvenon, dum kiu laŭvice, la anoj faris paroladon. Tiu ekzemplo estas tre laŭdinda. Tre imitinda estas ankaŭ la klopodoj de nia malnova samideano, S-ro Witteryck, kiu faras kursojn por la Bruĝa instruistaro.

La « Verda Stelo » (Antverpeno) meritas specialajn gratulojn por sia agema kaj nelacebla propagando.

La novstarigita grupo « Zamenhof » (Bruselo) kvankam ankoraŭ juna antaŭvidigas tre bonajn rezultatojn, dank' al l' agemeco de nia fervora amiko, S-ro Abato Richardson.

Beyne-Heusay, Berchem, Boom, Huy, Verviers kaj aliaj grupoj distingiĝas per agema propagando kaj efikaj klopodoj.

Konsiderante la aran rezultaton, oni devas konstati ke Antverpeno estas nuntempe la ĉefa centro de la esperantista movado. Estas do prave ke ĝi estas kvazaŭ la sidejo de la Belga Ligo.

La ĉefa tialo de la prospereco de la grupoj de Antverpeno kaj ĝia ĉirkaŭaĵo estas la disdono de « Belga esperantisto » al ĝiaj membroj. Post la kursoj, tiuj ĉi daŭrigas sin perfektigi legante la ĵurnalon ; samtempe ili sin interesas pri la tutmonda esperantista movado. La rezultato estas ke la grupanoj restas fidelaj, kaj ilia nombro senĉese pligrandigas. La abonprezo estas enhavanta en la jara kotizaĵo.

La protokoloj pri la komitataj kunvenoj, presitaj en « Belga Esperantisto », montras ke la Komitato sin okupis pri gravaj demandoj, inter aliaj pri

la enkonduko de Esperanto en la publikan instruadon kaj la partopreno de Esperanto en la ekspozicio de Bruselo dum 1910. Kelkaj el ili postulas longan tempon por esti solvataj, sed ni havas plenan fidon pri la fina sukceso.

Diversaj grupoj organizis festojn, la plej citinda estis la malferma festo de l' Antverpena Grupo, kiu okazis en la marmora salonego de la Reĝa Zoologia ĝardeno dum la monato de Oktobro. Pli ol mil geaŭdantoj ĉeestis ĝin. Tiu fakto pruvas kiom granda estas la intereso de la Antverpenanoj pri nia kara lingvo.

Kelkaj gravaj efikaj paroladoj okazis en diversaj lokoj de nia lando. S-ron Van der Biest, Abaton Richardson kaj S-ron Schoofs mi devas elnomi kiel la plej agemaj propagandistoj.

Nia ligo, kun la malavara apogo de S-ro Witteryck organizis literaturan konkurson pri monologoj ; ĝia rezultato estos diskonigata dum la nuna kunsido.

La lastan dimanĉon okazis en Antverpeno ekzameno por la akiro de atesto pri profesora kapableco. Tri kandidatinoj kaj kvin kandidatoj sin prezentis ; ĉiuj bone sukcesis kaj ricevis la diplomon.

Konkludante mi resumiĝas dirante ke, se dum la pasinta jaro la disvastigado de nia kara lingvo estas iom haltigita pro diversaj bedaŭrindaj kaŭzoj, nune ĉio favore aŭguras por nia kara Esperanto. Ni ĝoju pro la repreno de la antaŭenmarŝado, kaj rigardu plenfide la estontecon. *(Apl.)*

S-ro **O. Van Schoor**, kasisto, legas detalan raporton pri la financa stato de la Ligo. El lia raporto aperas ke dum 1908-1909 la enspezoj estis fr. 566,19 kaj la elspezoj fr. 213,15. Restas do en kaso je la 26a de Junio 1909 : fr. 213,45.

S-ro Van Schoor aldonas al sia raporto la sekvantan rerigardon pri la kasa stato dum la pasinta jaro.

**Elspezoj.** Kiam mi ekzamenas la elspezojn, ni trovas ke tiun jaron ni ne havis grandajn elspezojn ; ĉar ni ne presigis diplomojn, broŝurojn por propagando, k. t. p. Kaj tamen estus tre dezirinde, eĉ necesege presigi novajn broŝurojn francajn kaj flandrajn por propagandi nian movadon en Belgujo, ĉar post du jaroj okazos en nia lando la Internacia Kongreso kaj ni devas de nun prepari tiun kongreson per neĉesanta propagando.

**Enspezoj.** Se la elspezoj estas malgrandaj tiun ĉi jaron, ni devas bedaŭrinde diri same pri la enspezoj. Ĉiuj aliĝintaj grupoj ne pagas ĉiam sufiĉe frue sian kotizajon ; ni atendas eĉ ke la kelkaj grupoj, kiuj ĝis nun ne ankoraŭ pagis la kotizajon por 1908-09, aranĝu la aferon dum la hodiaŭa tago. — Kiam ni povos trovi kelkajn protektantajn kaj bonfarantajn membrojn, niaj enspezoj pligrandiĝos kaj ni povos pli efike labori por nia grava entrepreno. Ĉiu membro de nia Belga Ligo konsideru kiel devo aliĝigi al nia Ligo personojn loĝantajn solajn en urboj aŭ vilaĝoj kie ne ekzistas grupo ; ĉiu membro laboru por ke la ne ankoraŭ aliĝintaj grupoj baldaŭ aliĝos kaj klopodu por starigi, kie eble, novajn grupojn, ne nur por helpi la kason de la Ligo sed por kunlabori kun ĝi en la paca laboro por atingi la idealan celon : Unu helpa lingvo por la tuta homaro !

Mi estas kasisto kaj ne kaŝisto ; tial mi pensis ke estas mia devo atentigi vin ke, kvankam la estraro de la Ligo estis tre ŝparema, tamen, krom la 370,04 frankoj kiujn la antaŭa kasisto donis al ni, la enspezoj ne sufiĉis por niaj elspezoj, kiuj tamen ne estis tro grandaj kaj kiuj certege devas pligrandiĝi dum la venontaj jaroj.

Estas tamen angla proverbo kiu konsolas min : *Were is a will, there is a way,* kie estas volo tie estas vojo ; kaj mi ne nur esperas sed estas certa ke la Liganoj komprenos mian alvokon kaj ke ĉiu el ili klopodos dum la venontaj tempoj por pligrandigi la moralan kaj la materian potencon de nia Belga Ligo Esperantista. Antaŭen do, ĉiam antaŭen por Esperanto en Belgujo. *(Laŭtaj aplaŭdoj)*

**S-ro Ad. Finet**, el Antverpeno, legas la jenan raporton pri la ekzameno por la akiro de la diplomo pri profesora kapableco, okazinta en Antverpeno, la 20an de Junio 1909.

La ekzameno, komenciĝante je la 9a matena akurate, okazas en Antverpena komunuma lernejo por fraŭlinoj.

S-ro Swagers prezidas la juĝantaron, liaj kunkomisianoj esta S-roj L. Blanjean kaj Ad. Finet.

La *skriba* ekzameno, sen helpo de vortaro, estas kunmetita jene :

1e *Traduko* el Esperanto : La nova jaro.

2e *Traduko* el nacia lingvo : Het glas (Le verre).

3e *Redakcio* : Rakontu feliĉan okazintajon el via vivado.

La *voĉa* ekzameno konsistas el 1e Legado. 2e Traduko el Esperanto, 3e Klarigoj pri gramatikaj malfacilaĵoj. (Teksto : Lucerno, esperantigita de Amatus).

Tiu parto de la ekzameno daŭras ĝis la 1a posttagmeze.

Je le 3a komenciĝas la didaktika parto.

La subjekto de la instruado kiun la juĝantaro elektis estas :

« Instruu pri la demandaj vortoj. »

Poste la juĝantaro priparolis la rezultaton de la ekzameno kaj unuvoĉe decidas ke ĉiuj kandidatoj sukcesis.

Iliaj nomoj estas :

*Fraŭlinoj* : MARIA BERTEN, PAULA DE JAEGHER, kaj JEANNE CASIE el Antverpeno :

*Sinjoroj* : CAMILLE BABILON, JAN JACOBS, LÉON SCHUMACHER, FLORENT DE KEYSER, el Antverpeno, kaj M.ROE el Borgerhout.

S-ro Blanjean sciigante la rezultaton sincere gratulas la kandidatojn.

S-ro Van der Biest-Andelhof ankaŭ esprimas sian kontentecon, kaj esperas ke baldaŭ nur la diplomuloj instruos kursojn pri Esperanto.

Fraŭlino Berten en ĉarma paroladeto dankas la komisianojn je l'nomo de la novaj diplomuloj.

**S-ro Van der Biest**, prezidanto, disdonas la diplomojn al la sukcesintaj kandidatoj kaj tutkore gratulas ilin. Li esperas ke baldaŭ Esperanto estos enkondukata en la Instruadon kaj ke tiam la profesoroj povos utili sian diplomon kiel garantio pri sia kapableco. Intertempe, li esprimas la deziron ke ĉiuj kursoj estu farataj nur de diplomitaj instruantoj.

Li sincere dankas S-rojn Blanjean, Finet kaj Swagers, kiuj akceptis la taskon juĝi pri la ekzameno.

**S-ro Swagers** elparolas pri la la konkurso de monologoj la jenan paroladon :

« *Estimataj gesamideanoj,*

« La fakto ke la B. L. E. organizis tiun ĉi jaron literaturan konkurson estas ĝojiga pruvo de la belga vivo esperantista, ĉar ĝi klare montras la faritan progreson.

« Se laŭ ĝenerala vidpunkto, ĉiu el ni devas utiliĝi uzante skribe kaj voĉe nian belan lingvon en rilatoj kun fremdlandanoj, laŭ pli speciala vidpunkto ni bezonas ankaŭ klopodulojn, kiuj celas atingi la plej altan gradon de kapableco.

« Certe, Gesamideanoj, ni bezonas belgajn esperantajn aŭtorojn ! Aŭtorojn, kiuj pruvas al niaj najbaroj ke la belga cerbo estas originale produktema kaj uzas ĉiun ilon por montri kaj etendi sin. Literaturulojn, kiuj povas entuziasme altiri la

atenton de la fremdlandanoj al nia landeto, al nia komerco kaj industrio, kaj precipe al nia arto kaj literaturo.

« Kaj tial, Gesinjoroj, ni ĝojas tial ke jam de nun ni povas certigi vin ke ni posedas inter ni bonajn originalajn verkistojn.

« Ho ! la tasko neniel estis facila ! Kiom el mil inteligentaj, spertaj homoj kapablas skribi bonan monologon en sia gepatra lingvo ? Unu, eble neniu ! Ĉar en tiu literatura fako ne sufiĉas elpensi kaj skribi, oni nepre devas koni ĉiujn teatrajn rimedojn por trafi la celon, kiu estas interesigi, ne sole legantojn, sed precipe aŭskultantojn.

« Laŭ la opinio de la juĝantaro ĉiu el la alsenditaj monologoj donas pruvon de l'imaga forteco kaj literatura kapableco de sia verkinto. La verkintoj, kiuj pro kelkaj lingvoj aŭ gramatikaj eraroj ne akiris premion konas tamen bone la arton skribi monologojn : ili nepre devas daŭrigi siajn studojn de Esperanto, ĉar ni bezonas ilian fortojn kaj en sekvonta okazo ili certe estos pri feliĉaj ol nune.

« Jen la rezultato de la konkurso :

1a premio : S-ro D-ro W. VAN DER BIEST, el Antverpeno ;
2a » F-ino BERTHA LEDÈNE, el Bruĝo ;
3a » S-ro M. SEBRUYNS-VROMANT, el Sint-Amandsberg (Gento).
1a honora cito : S-ro E. JACQUES, el Bruĝo ;
2a » F-ino JEANNE CASIE, el Antverpeno.(*Laŭtaj aplaŭdoj*). »

S-ro **Van der Biest**, prezidanto :

« *Gesinjoroj*,

« La literatura konkurso, organizita de la B. L. E. estas nova pruvo de ĝia vivforto.

« Mi varme gratulas la gelaŭreatojn kaj samtempe plenumas agrablan taskon esprimante la dankon de la Ligo al S-ro Witteryck, nia estimata kaj amata vicprezidanto. S-ro Witteryck donacis la Ligon per la premioj de la konkurso kaj per la artplenaj diplomoj kiuj honoras lian famkonatan presejon. De longe nia amiko Witteryck sin dediĉas al Esperanto ; malavare apogante la Ligon en la nunaj cirkonstancoj, li donas novan kaj altŝatindan ateston pri sia sindono.

« Vivu li ! »

La tuta ĉeestantaro laŭte aklamas S-ron Witteryck.

Je l'nomo de la gelaŭreatoj de la konkurso, **F-ino B. Ledène** sin esprimas jene :

« *Estimataj Gesinjoroj !*

« Estu permesata al mi anstataŭi S-ron D-ron Van der Biest, la gajninto de l'unua premio, por esprimi je l'nomo de la konkursintoj nian plej sinceran dankon al la Komitato de la Belga Ligo kiu iniciatis organizi literaturajn konkursojn.

» Mi prezentas ankaŭ tutkorajn dankesprimojn al S-roj Blanjean, Swagers kaj Finet, ĉar ili havis la grandan afablecon ekzameni la alsenditajn verkojn kaj aljuĝi la premiojn kiujn ni havis la ŝancon akiri.

« Precipe, mi dankas S-ron Witteryck, vicprezidanto de la Belga Ligo kaj prezidanto de la Bruĝa Grupo Esperantista, ĉar estas li, la malavara donacinto de la premioj por la konkurso. Jen nova pruvo de lia ĉiama sindonemo al la propagando de la internacia lingvo !

« Mi do rediras, al la honorinda Komitato de la Ligo, al la estimataj juĝintoj kaj al mia kara Bruĝa prezidanto, tutkoran dankon je l'nomo de ĉiuj konkursintoj ! » (*Aplaŭdoj*)

**S-ro Van der Biest**, prezidanto, diras ke, ĉar kelkaj artikoloj ne plu akordiĝas kun la nunaj bezonoj de la Ligo, la regularo devas esti revizata. Li legas intersekve ĝiajn paragrafojn.

Pri la Art. 2, pritraktanta la celon de la Ligo : « propa-
« gandi ekster ĉia politika aŭ religia demando, la helpan lingvon
« internacian Esperanto, kaj pligandigi la interrilatojn de Belgujo
« kun la eksterbelgaj landoj, » **S-ro Swagers** proponas aldoni : *Ĝi nur propagandas la lingvon internacian kiel ĝi estas elpensita de D-ro L. L. Zamenhof, kaj kies evolucion la Lingva Komitato kaj ĝies akademio difinos.*

Li rimarkigas ke lia propono nur celas enkonduki en la regularon la deklaracion alprenitan de la ĝenerala kunveno de la pasinta jaro.

**S-ro Blanjean**, prezidanto de la grupo « Poniro », el Bruselo. — Mi laboras dum 24 jaroj por la Lingvo Internacia kaj estas unu el la plej malnovaj esperantistoj el la lando. Mi ĵus tutkore aplaŭdis la nomon de D-ro Zamenhof, la genian kreinton de Esperanto. Sed mi ne volas juri fidelecon al iu ajn. Se iam mi estus jurinta fidelecon al Pastro Schleyer, neniam mi estus povinta ellerni Esperanton. Estas danĝere enkonduki la proponon de S-ro Swagers, kiu forigos min kaj aliajn samideanojn. Ĉu la kunsidantaro kuraĝos fari tion ?

Sen alia pridiskutado la kunveno unanime akceptas la proponon de S-ro Swagers, krom 1 voĉdono (S-ro Blanjean)

La artikolo 6a, kiu pritraktas la postulatajn kondiĉojn por aliĝi al la Ligo estas redaktata jene :

*Art. 6. — Ĉiuj lokaj aŭ regionaj grupoj povas fariĝi ligaj grupoj kondiĉe :*

*a) Ke ili submetu al la Liga Komitato la nomaron de siaj membroj ;*

*b) Ke ilia regularo estu akceptita de la Komitato de la Ligo ;*

*c) Ke ili pagu jaran kotizajon, laŭ la jena proporcio :*

*5 fr. po malpli ol 50 membroj*
*10 » » 50 ĝis 100 »*
*15 » » 101 » 150 »*
*20 » » 151 » 200 »* k. t. p. »

Pri la estraro de la komitato de la Ligo la reviziita Art. 7a difinas:

*La direktanta komitato elektas ĉiujare inter siaj membroj unu prezidanton, du vicprezidantojn, unu ĝeneralan sekretarion kaj unu kasiston.*

Nova teksto de la art. 8a pri la delegitoj:

*Ĉiu aliĝinta grupo kalkulante malpli ol 75 grupanojn sendas unu delegiton al la Komitato; ĉiu grupo kalkulanta pli ol 75 grupanojn sendas du delegitojn.*

La art. 10 difinas ke la komitato kunvenas **tri** fojojn ĉiujare; anstatau la nombron **tri** la kunsidantaro alprenas **du**.

La parto de la art. 10: *Inter la kunvenoj la komitatanoj interrilatas per rondirantaj leteroj, sendataj de la prezidanto* estas forstrekata.

Nova teksto de la art. 13:

*La Ligo elektas kiel sian oficialan organon la revuon:* **Belga Esperantisto**. *Tiu jurnalo..... ke.*

Kaj de la art. 14:

*La liga jaro, same kiel la jurnala jaro komencas la 15an de Novembro.*

La regularo, kun la akceptataj aldonoj kaj ŝanĝoj estas aprobata de la tuta kunsidantaro, krom S-ro Blanjean.

**S-ro Abato Richardson** sciigas, ke dum la kunveno de la belgaj oficistoj de la Universala Esperanto Asocio (E. U. A.) okazinti en Huy la 31an de Majo, oni decidis pri la fondo de progandista societo, kies membroj faros propagandajn paroladojn pri Esperanto ĉie, kie la Ligo tion juĝos necesa. La prezidanto de la Ligo estos la direktoro de la societo, al kiu jam aliĝis S-inoj Xhoffer (Verviers), S-ino Gobiet (Seraing), S-ino Bisquerit (Huy), F-ino Moreau (Bruselo), S-roj Witteryck (Bruĝo), O. Van Schoor (Antverpeno), Godfrind (Seilles), Magis (id), Landenne (Huy), 't Serstevens (Stavelot) Lebeau (Lieĝo), Wambacq (Mont St André) kaj li mem. S-ro Richardson petas ke dum la nuna kunveno oni akceptu la fondon de la Propagandista societo.

La kunsidantaro favore opinias.

S-ro **Ad. Finet** deziras ekscii ĉu la Ligo sin okupis pri la esperantista fako en la Brusela ekspozicio.

S-ro **Van der Biest**, prezidanto. Tiu afero estas en bonaj manoj. Pri ĝi mi interkorespondis diversfoje kun S ro Generalo Sebert, estro de la Esperantista Centra Oficejo; mi eĉ havis pri tiu temo kun li longan interparoladon en Bruselo antaŭ kelkaj tagoj. La C. O. prenas la organizadon sur sin, kaj kvankam mi nune ne jam povos doni tie ĉi detalajn klarigojn,

mi povas certigi ke la esperantista fako ĉe la Brusela ekspozicio estos brile prizorgata.

Esperanto multe ŝuldas al Generalo Sebert. En la nunaj cirkonstancoj li faras grandegan servon al ni, Belgaj esperantistoj. Tial mi proponas ke nia kongreso esprimu publikan dankon al la granda bonfaranto de Esperanto kiu estas Generalo Sebert.

La kunsidantaro laŭte aklamas Generalon Sebert.

**La Prezidanto** ankaŭ sciigas ke en Antverpeno, S-ro K. Weyler, direktoro de la Urba Instituto N-ro 2, faris je Jaŭdo, 24ª de Junio, tre sukcesintan paroladon pri Esperanto antaŭ S-ro Desguin, Skabeno de la Publika Instruado kaj la perfektiga konsilantaro de la unuagrada Instruado. La parolinto proponis enkonduki Esperanton en la superajn klasojn de la lernejoj kaj lia propono ricevis tiasence bonan akcepton, ke ĝi estis sendata al speciala komisio.

Notinda fakto estas ke S-ro Desguin bonvolis doni unutagan libertempon al la Antverpenaj geinstruistoj, kiuj ĉeestas nian kongreson. (*Laŭtaj aplaŭdoj. Vivu S-ro Desguin ! Vivu Antverpeno.*)

La kunveno decidas ke S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la B. L. E, salutos la Vª esperantistan kongreson en Barcelono, je l'nomo de la Belga esperantistaro. La dua delegito estos S-ro Richardson, vicprezidanto.

Kiel komitatanoj, delegitoj de la ĝenerala kunveno, estas reelektataj : S-roj L. Champy (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D-ro R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

La 2º Belga Kongreso okazos en Bruĝo dum 1910 je la Pentekostaj festoj (30ª 31ª de Majo).

Post kelkaj dankvortoj de la prezidanto al la kunvenantaro, la kunsido estas fermata je la 13ª horo.

## LA FESTENO

Trapromenante la koketajn stratojn de Verviers, la gekongresanoj baldaŭ atingas la elegantan novkonstruitan kvartalon de la urbo, admirante intertempe belegan pejzaĝon, kaj eniras la « Chalet des Boulevards », kie okazos la festeno.

Super la enirpordego agitiĝas meze de la flagoj de la riprezentataj landoj la esperantista standardo.

La festsalono estas mirinde bele ornamita per belgaj kaj esperantistaj flagoj, multegaj verdaj steloj, girlandoj kaj ĉiuspecaj devizoj : *Vivu Zamenhof ! — Vivu Esperanto ! — Ĉiam antaŭen ! — Ni laboru en frata konsento. — Unueco donas fortecon.*

Ankaŭ la dekoracio de la tablo naskas unuaniman laŭdon kaj ĝeneralajn aplaŭdojn. Multajn blankajn florojn ĉirkaŭas verda foliajo ; el ĉiu arte faldita buŝtuko altiĝas esperantista

flageto, per kiu tuj la sinjorinoj ornamas sian korsaĵon, la sinjoroj sian butontruon.

Ni certe estos la interpretantoj de ĉiuj partoprenantaj en la festeno, gratulante la membrojn de la festa komisio kiu tiel sukcese prizorgis la festan aspekton de la festenejo : S-inon Xhoffer; F-inojn Gabrielle Herla, Eva Dumortier; S-orojn Joseph Pirnay kaj Julien Herla.

Cent dudek-kvin kongresanoj ĉeestas la festenon. Ĉe l'honoro tablo sidas : S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la B. L. E. ; flanke de li S-ro Spinhayer, Skabeno de la Publika Instruado kaj S-ro Carlo Bourlet ; S-roj Witteryck kaj Abato Richardson, vicprezidantoj ; S-roj L. Champy, ĝenerala sekretario kaj O. Van Schoor, kasisto ; S-roj Alfred Meyer, Gabriel Chavet, Jos. Parotte kaj Ambroise Halleux, prezidanto de l' « Aide Mutuelle ».

La gaja humoro de l'kunmanĝantaro tuj esplodas. Eksonas aro da gajaj kantoj, ĉiuj ŝuldataj al nia bona kamarado kaj lerta kunlaboranto S-ro Swagers el Antverpeno, kaj kolektitaj en broŝureto, kiun baldaŭ ni vidas en ĉies manoj. Specialan komplimenton meritas ankaŭ nia kara samideano D-ro W. Van der Biest, filo de la prezidanto de la Ligo, kiu tre talente kaj sindone, akompanas fortepiane la kantantaron.

La festa entuziasma emo de la festenanoj esprimiĝas per multo da toastoj. Ni sukcesis rekunmetigi kaj kolekti la plimulton da ili ; estos certe granda plezuro por niaj legantoj, ilin legi en la nuna numero de nia revuo.

## Toasto de S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, prezidanto

*Karaj gesamideanoj !*

Kiam bonaj, honestaj, intelektaj burĝoj amike, ĝoje estas kuniĝintaj ĉe festa kunmanĝo, alvenas je l'fino de l'festeno ia momento, mi diru, ia solena momento, kiam oni memorigas la estron de la lando, la Reĝon, je kies honoro ĉiam estas esprimata la unua toasto.

Hodiaŭ tamen, ni ne kunvenas kiel Belgoj, kiel patriotoj !

Ni kuniĝis kiel anoj de la granda, grandega, kvazaŭ nemezurebla regiono, kies limoj etendiĝas tiel malproksimen kiel kulturhomoj loĝas, — kiel anoj de la lando kies konstitucio estas la ĝenerala interfratiĝo de la tuta homaro, — kies blazonŝildo estas la verda stelo, — kies flago estas la verda standardo, — kies lingvo estas Esperanto, — kies reĝo estas D-ro Zamenhof.

Al li, mi proponas al vi trinki !

Al li la certigon de nia respekto, de nia fido, de nia amo !

Al li niajn tutkorajn dezirojn pri bonfarto kaj feliĉo !

Al nia kara Majstro! Al D-ro Zamenhof!

La toasto al nia kara majstro estas salutata de laŭtaj aplaŭdoj. La tuta kunmanĝantaro, stare, ekkantas nian himnon l'Espero. *Senfinaj kriadoj : Vivu Zamenhof !*

**Toasto de S-ro PAROTTE, prezidanto de la Verviers'a grupo kaj de la organiza komitato**

*Mesdames, Messieurs,*

Si ces paroles ne sont pas prononcées en Esperanto, c'est parce qu'elles s'adressent à des personnes auxquelles notre chère langue n'est pas encore familière. Je veux porter un toast à l'Administration Communale de Verviers, représentée ici par M. Spinhayer, Echevin de l'Instruction Publique et président d'honneur de l'Esperantista Grupo de Verviers. C'est principalement à lui que nous devons l'honneur d'avoir été officiellement reçus à l'Hôtel de Ville.

Il a fallu plus de 20 ans de lutte pour que l'idée espérantiste en arrivât à être appréciée ; pour que le grand public admît enfin l'importance capitale de notre mouvement ; jusqu'ici cependant, en Belgique du moins, nous n'avions pas encore pu nous attirer l'attention des organisations officielles. Nous pouvons donc dire qu'aujourd'hui l'Administration Communale de Verviers, en recevant officiellement les délégués du 1r congrès espérantiste belge a en quelque sorte proclamé l'entrée de l'Esperanto dans la vie publique. Voilà pourquoi, en la remerciant du fond du cœur, je vous propose de boire à la santé de l'Administration Communale, représentée ici par M. l'Echevin Spinhayer, ainsi qu'à la prospérité toujours croissante de la ville de Verviers. *(Aplaŭdoj).*

**Toasto de S-ro SPINHAYER, Skabeno**

La honorinda parolanto senkulpiĝas ne parolante Esperanton sed intencas ĝin baldaŭ lerni. Li dankas tutkore S-ron Parotte kaj diras, ke li intime estas konvinkita pri la grandaj servoj kiujn Esperanto povas fari al la urbo Verviers. Hodiaŭ li estas feliĉa konstati vide kaj aŭde la efikojn de la lingvo. Li raportos pri tio al siaj kolegoj de la urbestraro kaj promesas sian apogon al nia movado.

S-ro Spinhayer kiu elparolas sian toaston franclingve, finas ĝin esperante : *Mi ĝojas ; mi trinkas je via sano ! (Aplaŭdoj).*

**Toasto de S-ro WITTERYCK**

*Karaj Gesamideanoj,*

Elparolante sian belan toaston, kiun ni ĵus laŭte aplaudis, nia kara prezidanto diris : « Hodiaŭ ni ne kunvenis kiel Belgoj, kiel patriotoj, ni kuniĝis kiel Esperantistoj » !

Efektive, por Esperanto ekzistas nek landlimoj nek diferenco

inter popoloj, ĉiuj Esperantistoj estas fratoj, anoj de la granda homa familio !

Tiun fratecon pruvas al ni la ĉeesto de diversaj germanaj kaj francaj amikoj, kiuj partoprenas en nia hodiaŭa kongreso, kaj kun kiuj ni interŝanĝis la tutkoran manpremon de samideaneco.

Geamikoj ! Mi certe estos via interpretanto, salutante ilin entuziasme kaj simpatie ! Mi proponas ke ni trinku je ilia bonfarto kaj feliĉo !

Al niaj eksterlandaj fratoj ! Ili vivu !!! *(Aplaŭdoj).*

## Toasto de S-ro CARLO BOURLET

Je l' nomo de la francaj esperantistoj S-ro Bourlet respondas ke li alportas al la belgaj fidelaj esperantistoj la plej koran saluton de la francaj samideanoj.

Duoblan plezuron li havas hodiaŭ, unue ĉar li kun ĝojo konstatas la fortan, potencan vivecon de la esperantista movado en Belgujo, grandparte ŝuldata al la nekomparebla saĝa kaj inda agado de la lerta prezidanto S-ro Van der Biest, due ĉar li povis premi la manojn de S-ro Witteryck, kiu kuraĝe, en malfacilaj cirkonstancoj, subtenis nian standardon.

S-ro Bourlet konkludas, dirante, ke Belgujo ŝajnas esti la lando destinita por fariĝi la koro de Esperanto. Ĉu ne en multaj urboj la centra ĉefa placo estas nomata en Belgujo *Verda placo ! (Aplaŭdoj).*

## Toasto de S-ro Alfred MEYER, el Aĥeno

*Karaj geamikoj,*

La « Aĥena Esperanto grupo » kaj la « Rejnlanda Esperanta Ligo » kies prezidanto esti mi havas la honoron, komisiis min prezenti al vi niajn plej korajn salutojn, sed por mi estis ne nur devo, mi sentis en mia koro ion, kiu diris al mi : vi devas iri al Verviers kaj diri al la belgaj samideanoj ke ni Rejnlandanoj, ke ni ĉiuj Germanoj havas por niaj alilandaj samstelanoj nur amon, nur fratecon. Nun ni ĉeestas kaj ni estas kontentaj. sed ni estos despli kontentaj, se vi estas kontentaj pri ni ! Mi malplenigas mian glason je via sano : La Belga Ligo Esperantista vivu, kresku, floru ! *(Aplaŭdoj).*

## Toasto de S-ro Abato RICHARDSON

*Karaj Geamikoj.*

Laŭ la kutimo de mia lando, mia toasto estos tre mallonga, cetere, ni Angloj, ne estas elokventaj post tagmanĝo.

Jen vero evidenta : Estro povas fari multon da bono — kaj ankaŭ multon da malbono. Nu, la membroj de la Belga Ligo havas bonegan estron, estron kiu ne celas komandi, sed servi, — kiu ne naskas malpacon kaj dividon, sed unuecon kaj fratecon.

Mi altigas mian pokalon kaj trinkas je lia sano. Je la feliĉo kaj prospero de S-ro Van der Biest, la inda kaj amata prezidanto de la B. L. E., kaj mi ekkrias anglamaniere :

Hip ! Hip ! ! Hurrah ! ! !

(*Aplaŭdoj. Oni aklamas la prezidanton.*)

## Toasto de S-ro BLANJEAN, el Bruselo

S-ro Blanjean tre ĝojas vidante ĉe la kongreso S-ron Gabriel Chavet, el Parizo. Li rememoras ke jam antaŭ 12 jaroj li korespondis kun li en Esperanto. Li tutkore salutas S-ron Chavet, unu el la plej malnovaj pioniroj de Esperanto, kaj trinkas je lia bonfarto kaj feliĉo.

## Toasto de S-ro GABRIEL CHAVET, el Parizo

S-ro Gabriel Chavet respondas al S-ro Lucien Blanjean, dankante lin varmege pro liaj afablegaj paroloj kaj dirante, ke tiuj memorigoj pri la pasinta tempo multe kortuŝis lin. Li aldonas, ke la fakto esti la plej malnova esperantisto, en la kunveno, estas neniel honoro, sed nur devenas de simpla hazardo. S-ro Chavet parolas pri la mirindaj progresoj, faritaj de nia lingvo, dum la dek-tri jaroj pasintaj, de lia aliĝo al nia afero, kaj li esprimas la opinion ke la konstantaj progresoj de nia lingvo estas kaŭzitaj ĉefe de nia konstanta unueco, kaj de tiu fakto, ke la esperantistoj alprenis por si la devizon de Belgujo : Unueco donas fortecon. Fine, S-ro Chavet, parolante franclingve, por ke liaj lastaj vortoj estu komprenataj de S-ro Skabeno, diras, ke la urbo Verviers devas esti speciale favora al Esperanto, tial ke ĝia devizo « *Vert et Vieux* », bone taŭgas ankaŭ por Esperanto : ni esperantistoj deziras, ke nia flago restu ĉiam verda kaj fariĝu tre maljuna.

(*Aplaŭdoj*)

## S-ro MAX HOROWITZ, el Antverpeno

legas belan poeziaĵon pri la urbo Verviers kaj la nobla celo de Esperanto.

## Toasto de S-ro D-ro DUPONT, el Beyne-Heusay

*Karaj gesamideanoj,*

Mi plenumas agrablan taskon, invitante vin eltrinki la glasojn, je la sano de l' sinjorinoj, kiuj tiel multenombraj, sin devigis honori per sia ĉeesto nian fratan festenon. Estas ja, tre kontentige kaj kuraĝige por ni geesperantistoj, kiam ni konsideras la gravan kaj sindonan helpadon kiun alportas al nia propagando tiom da fervoraj kaj agemaj samideaninoj. Cetere, ĉu la virino, nome la patrino, ne estas la unua fonto el kiu ni elĉerpis, la elementojn de la nacia lingvo ? Dum nia infaneco, lulitaj sur ŝiaj brakoj, ni ekaŭskultis ŝian dolĉan

kaj karesan voĉon, baldaŭ poste ŝi lernigis nin ekbalbuti la unuajn vortojn de la patrina lingvo.

Kredeble, en estonteco ne tre malproksima, kiam la helpanta lingvo estos oficiale akceptita de la registaroj kaj instruata en la publikoj lernejoj, la patrinoj, krom la nacia idioma, ankaŭ instruos la infanetojn la allogan, la belsonan Zamenhof'an lingvon.

Sinjorinoj, mi vidas plezure inter viaj vicoj multe da instruistinoj ; ĉi-tiuj alkutimiĝintaj je la instruado de la gejunuloj, ne nur fariĝis fervoremaj kaj lertaj esperantistinoj, sed ankoraŭ helpas al la disvastigado de l'internacia lingvo, ĉu organizante kaj instruante esperantajn kursojn, ĉu partoprenante kiel membroj en la juĝantaro starigita pri atesto de kapableco, ĉu sin prezentante kiel kandidatinojn en la ekzamenoj.

Je la nomo de la B. E. L. mi diras al vi ĉiuj koregan dankon ; bonvolu, mi petas daŭrigi persisteme vian fuktodonan laboradon, dissemi senlace la bonan parolon, memorigante la belajn vortojn de l' Majstro :

« Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas, vi semas kaj semas konstante. »

La sukceso kronos viajn ĉiamajn penadojn ; kion volas virino, tion ankaŭ volas Dio.

Jam, en la malproksimeco, briletas la mirinda vidajo de la fina triumfo.

Obstine antaŭen ! La nepoj vin benos se vi pacience eltenos.

Je la sano de niaj nelaceblaj kunlaborantinoj !

(*Laŭtaj aplaŭdoj*).

## Toasto de F-ino Maria POSENAER, el Antverpeno

*Estimataj Gesinjoroj !*

Estas por mi honora kaj agrabla tasko, je l'nomo de la ĉi tieaj virinoj kaj de la tuta belga esperantista virinaro, danki S-ron D-ron Dupont pro la flatemaj vortoj kiujn li ĵus al ni alparolis. Aŭstataŭ modeste rifuzi lian laŭdadon, mi ĝin akceptas fiere ; mi esperas ke ĝi laŭte resonos en la koroj de ĉiuj Esperantistinoj, kaj instigos ilin, firme kaj senlace daŭrigi la « pacan bataladon ».

En pli ol unu grava societa demando oni jam elmontris la potencan rolon kiun povas ludi la virino. Ĉu ne estas ŝi kiu plej efike povas kontraŭbatali alkoholismon ? Ĉu ne estas virinoj kiuj starigis la tutmondan pacligon ? Esperantismo ankaŭ estas paclig›, kaj mi petegas ĉiujn miajn esperantajn kaj neesperantajn fratinojn kunhelpi por l'efektivigo de tiel nobla celado.

Eble kelkaj mokemaj vortoj elparolitaj de nesciantoj, akceptos iliajn unuajn penadojn ; pro tio ili ne senkuraĝiĝu. Ĉia

nova entrepreno, ĉia nova elpensaĵo, estas boronta sian vojon tra skeptikismo. Sed fine la vualo falas, la lumo brile eka peras kaj triumfas. Nia lumo, al kiu esperplene direktiĝas nia rigardo, estu nia kara verda stelo.

Per niaj kunigitaj klopodadoj, ĝi ĉion heligos kaj fine ĝi regos la mondon. (*Entuziasmaj aplaŭdoj*).

## Toasto de S-ro JONGEN, advokato en Seraing.

Mesdames, Messieurs, nous avons eu l'heur d'entendre des orateurs accourus des confins de la Belgique, des orateurs de la France, de l'Allemagne, qui ont parlé d'or dans ce banquet. Nous avons souhaité la bienvenue aux dames qui rehaussent par leur présence l'éclat de cette fête et nous avons remercié la ville de Verviers qui a bien voulu nous recevoir en son Hôtel.

Tout cela est parfait. Mais ce n'est pas suffisant.

Nous avons oublié une chose : porter un toast à la Presse, si nécessaire, si vaillante, toujours sur la brêche et dont plusieurs membres distingués sont ici avec nous et *pour* nous.

Il ne suffit pas d'avoir des revues à soi, des publications espérantistes et en Esperanto. Les journaux quotidiens nous sont nécessaires. C'est par eux que nous devons aller parce qu'ils nous soutiendront et nous encourageront, notant nos espoirs et nos succès, nos désiderata et nos revendications.

Oui, Messieurs, c'est par la Presse que le grand public doit comprendre que l'Esperanto a de même que le Droit international qui laisse subsister les législations nationales, pour but de permettre à tout homme civilisé, de comprendre tous ceux qui lui sont étrangers, tout en respectant l'idiome de chacun.

Que les journalistes donc clament par tout l'Univers que se comprenant plus facilement d'avec ses voisins l'homme, évitera plus souvent des malentendus et des désaccords.

L'Esperanto, c'est l'Espérance, c'est la Vie, c'est la Paix Universelle produit par l'uniformité de langue et de rapprochement.

Mesdames, Messieurs, je bois à la Presse laborieuse et enthousiaste, je bois à l'Esperanto ! (*Aplaŭdoj*).

## Toasto de S-ro O. VAN SCHOOR.

*Karaj Gesamideanoj*,

Kiam mi rigardas tiun ĉi belan festenĉambregon, tiel belege ornamitan per flagoj, devizoj, steloj, kreskaĵoj, — kiam mi rememoras la plej efikan organizadon de la ĝenerala kunveno de nia Ligo kaj la tutkoran, kvankam oficialan akcepton en la Urbdomo, mi volus esti lertega oratoro aŭ famkonata poeto, por laŭdi per fajrplenaj paroloj la meritojn de la nelacigeblaj

Verviers'aj samideanoj, kiuj organizis ĉion tion por la hodiaŭa kongreso.

Ili estas ekzemplo kaj modelo por ĉiuj organizontoj de la venontaj naciaj kongresoj.

Ĉar mi estas nek parolisto, nek poeto, mi tutsimple, je l'nomo de la tuta kunvenintaro, dankas la membrojn de la organiza komisio de nia bela kongreso, kaj proponas al vi trinki je ilia sano kaj feliĉo. (*Aplaŭdoj*).

## Toasto de S-ro CAMILLE FELLER, redaktoro de la Verviers'a jurnalo « le Travail »

S-ro Feller bedaŭras ke li ne povas paroli en Esperanto. Respondante S-ron advokaton Jongen li certigas pri la apogo de la ĵurnalaro kaj ke speciale lia gazeto ĉiam estos je la dispono de la esperantista movado. Li dankas la organiza komitato pro sia afabla invito.

Ni aldonas tie ĉi 'a finon de la artikolo, kiun S-ro Feller skribis en « le Travail » :

« NOS VŒUX.

« Nous ne terminons pas ce compte rendu sans applaudir aux efforts des pionniers de la langue internationale pour la diffusion de laquelle nous faisons des vœux ardents.

« A notre point de vue particulier nous voudrions voir faire en sa faveur une propagande intense dans les milieux syndicalistes. Les relations internationales en deviendraient plus aisées, les travaux des congrès internationaux seraient simplifiés et la presse syndicaliste internationale, plus à la portée des militants et plus fertile en enseignements. »

C. F.

Post la festeno S-ro Crosset fotografas grupe la kongresanoj.

## LA INTIMA FESTO

Kiel memoraĵon ni enpresigas ĉi sube la

### Programon de la Koncerto

1a PARTO

F-ino Ida VERMEULEN (Antverpeno)

a) **Sub la Verda Standardo** (Preĝa alvoko) — L. L. Zamenhof.

b) **Ĉu ŝi legos ?** (Premiita monologo) — D-ro W. Van der Biest.

F-ino Henriette SEEBUS (Antverpeno)

a) **La Rozo** — Peter Benoit.

b) **Amkanto** — J. Massenet.

S-ro Henri BALTHAZART (Beyne-Heusay)

**La Pipamanto** — Pujula y Vallès.

S-ro Pol. DUMORTIER (Verviers)

**Rumena Legendo** (violonĉelo) — Braga.

F-ino Anna THIWISSEN (Moresneto)

**Revenu** — A. Besnard.

F-ino Maria HALLEUX

**La Malsana Junulo** el la Flandra lingvo J. van Beers) D-ro R. Van Melckebeke

2a PARTO

**Parolado de S-ro Carlo BOURLET (Parizo)**

**Barcelono kaj la 5a Kongreso**

F-ino JEANNE GHAYE (Beyne-Heusay)

**Stancoj al Manjo**, el la franca lingvo (Paul Delmet) Camille Aymonnier

F-ino MARIA HALLEUX (Verviers)

**La poeta animo** RODET-COLLAS

S-ro JOS. PIRNAY (Verviers)

**Vojaĝo al Charenton** ° ° °

F-ino HENRIETTE SEEBUS (Antverpeno)

**La frenezulino** ALBERT GRISAR

S-ro ERNEST LANGE (Verviers)

**La majskarabo**, el la franca lingvo (Paul Bilhaud) ° ° °

F-ino IDA VERMEULEN (Antverpeno)

**La Merlonesto**, el la flandra lingvo (Jan van Beers) D-ro W. Van der Biest.

Estas ne eble ke ni priparolu la meritojn de ĉiuj interpretintoj. Ĉiuj, senescepte estas tre gratulindaj kaj ni ne diros nomojn.

Ni tamen ne povas preterlasi citi la sukceson de la premiita monologo de S-ro D-ro W. Van der Biest, talentplene deklamita de F-ino Ida Vermeulen, el Antverpeno. Oni laŭte aplaŭdis la aŭtoron.

Inter la du partoj de la kongreso S-ro Bourlet, parolas pri la gaja kaj interesa vojaĝo, kiun li faris al Barcelono, por ekkoni la preparojn por la 5a kongreso. Niaj legantoj retrovos, en la Julia numero de « la Revuo », tiujn humorplenajn detalojn, rakontitajn de nia samideano en 22paĝa artikolo.

La parolo de S-ro Bourlet resumiĝas tiel :

La Barcelona kongreso estos neimagebla triumfo kaj la belgaj samideanoj *devas* tien iri grandnombre por observi, eklerni kaj inviti la esperantistojn al 7a universala kongreso de 1911 en Antverpeno.

Li speciale insistas por pruvi, ke la elspezoj necesaj estos tre malgrandaj.

Belgoj, li diras, erare opinias ke minimume 500 frankoj bezoniĝos por partopreni la kongreson. Ne, tute ne ! Nek 500, nek 400, nek eĉ 300 ! Kalkulo preciza montris ke Parizano, kiu vojaĝos en 3a klaso, loĝos en la komfortaj pensionoj de klaso A (po 5 fr. ĉiutage) ne elspezos pli ol 130 frankojn. Sekve, ĉar francaj kompanioj konsentas 50 % da rabato, belga samideano povos fari la vojaĝon, ĉeesti la tutan kongreson, ne elspezante pli ol 200 frankojn. Oni sin turnu al la Centra oficejo (51, rue de Clichy, Paris) kiu liveros rabatfolion por fervojo de la franca-belga landlimo ĝis la franca hispana. La rabatbiletoj valoras de la 25a de Aŭgusto ĝis la 25a de Septembro kaj rajtigos haltojn en Parizo kaj Toulouse, irante kaj revenante.

Post la koncerto okazas gaja dancfesto kaj dum la malfrua vespero multaj esperantistoj renkontiĝas en la Verviers'aj

kafejoj kaj en la trinkejo de l' « Aide Mutuelle », kie oni interfratiĝas kaj « gaje kantaretas » ĝis en la... malgrandaj horoj.

## LA EKSKURSO

La morgaŭan tagon multnombraj gekongresanoj trapromenadas la pentrindajn ĉirkaŭaĵojn de Verviers. Tra la arbaroj de Hèvremont, evitante la grandajn, ĉie similajn vojojn, ili atingas post trihora marŝado la barejon de la Gileppe, kie ili prenas ripozon kaj kune tagmanĝas.

Oni ankaŭ vizitas la apudan barejon de la Borchène, meze de ĉarma, kvieta pejzaĝo.

Oni revenas tra Béthane, Goé kaj Limbourg, la malnova urbeto, antikva ĉefurbo de la samnoma duklando, fama en la historio de Belgujo.

La plimulto de la ekskursantoj kune vojaĝas ĝis Verviers, kie oni interŝangas la laston adiaŭan manpremon.

---

La rezultatoj de la Verviers' a kongresos estos gravaj kaj efikaj kaj havos potencan influon sur nian movadon.

La sukceso pri kiu ni ĝojas donos al ĉiuj samideanoj novan kuraĝon kaj fidon.

Ĝis revido en la Bruĝa kongreso ! En Verviers ni estis 200-, en Bruĝo ni estu 500 ope !

Vivu Esperanto ! B. E.

---

# La gaja kantaro

Se plej ofte estas malfacile starigi esperantistajn societojn kaj organizi kursojn, estas ankaŭ tute ne facile konservi la varbitajn adeptojn.

Por daŭre pligrandigi sian anaron, la grupoj organizas post la kursoj perfektigajn kunvenojn kaj interparoladojn, sed tiuj ĉi nur sukcesas, se ili estas ne nur interesaj sed ankaŭ agrablaj.

La esperantista movado estas esence entuziasma, kaj nenio pli incitas la entuziasmon ol la kanto.

Tion spertis la Antverpena Grupo, kaj de tiam, kiam oni enkondukis la kantadon en siajn kunvenojn, tiuj ĉi estas pli kaj pli ĉeestataj.

Rilate ol tio la esperantistaro multe ŝuldas al nia lerta amiko S-ro Fr. Swagers ; dank' al lia sindono kaj talento, la anoj de l'Antverpena Grupo jam lernis aron da belaj kantoj, kiujn li verkis laŭ konataj, allogaj melodioj.

S ro Swagers kunigis dek-duon da tiuj kantoj en koketa broŝureto, kiu dum la Verviers' a kongreso ricevis ĝeneralajn laŭdojn.

Tre sukcesintá èstas i. a. la jena kanto :

## Rerigardo al la Studenta Tempo.

*Laŭ germana melodio : O alte Burschenherrlichkeit*

1. Nun estas vi por ĉiam for,
O bela studenteco !
Sed ne forgesas nia kor'
Vin, tempo de gajeco.
Ne plaĉas studentĉapo,
Sur nia grava kapo !
O bela studenteco,
O tempo de juneco !

2. Tre lertaj homoj gvidis min
En vivo kaj scienco ;
Mi studis lingvojn kvar aŭ kvin,
Kun nobla pacienco.
Kelkfoje en studejo,
Pli ofte en trinkejo.
O bela studenteco,
O tempo de juneco !

3. Mi studis iom en maten'.
Neniam en vespero,
Ĉar tiam vokis min festen'
Fraŭlino aŭ biero.
Mi amis kaj trinkadis,
Kun forto mi kantadis :
O bela studenteco,
O tempo de juneco !

4. Disiris fine l'amikar',
Kun plenlernintaj kapoj,
Kaj multaj kreskas en l'homar'
Nun kiel dikaj napoj.
Jam estas profesoroj
Dentistoj aŭ doktoroj.
O bela studenteco,
O tempo de juneco !

5. Amikoj, rejunigu vin,
Kantante tiun kanton ;
Anstataŭ lingvojn kvar aŭ kvin
Nun lernu Esperanton.
Vi studentiĝos ree,
Vi feliĉiĝos tree.
O bela studenteco,
O tempo de juneco !

La gaja kantaro estas eleganta broŝureto enhavanta (14 × 11) 20 paĝojn kaj akirebla ĉe OSC. VAN SCHOOR, farmaciisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen (Centra Esperantista Belga Oficejo).

La prezo estas tre malalta : 20 centimoj. Eksterlando : respondkupono da 25 centimoj (1 sd).

Mi ne forgesu aldoni ke la « Gaja Kantoro » estas vendata je l' profito de « Belga Eperantisto ». Am.

# NEKROLOGIO

## *ERNEST NAVILLE*

La esperantistaro funebras pro la eminenta scienculo Ernest Naville, kiu mortis en Ĝenevo en la aĝo de 93 jaroj.

En 1900 li atentigis pri Esperanto, per grava raporto, la francan Akademion de Sciencoj moralaj kaj politikaj kies ano li estis.

De tiu tempo li multe sin okupis pri nia kara lingvo. La entuziasma letero, per kiu li salutis la Ĝenevan kongreson de 1906 atestas, kiel alte li taksis nian celon.

La esperantistoj daŭre honoras dankeme la memoron de la granda filosofo, kiu estis unu el iliaj plej influaj protektantoj.

### SINJORINO VERMEULEN

La 5an de Junio mortis en Antverpeno S-ino V-ino Joseph-Albert Vermeulen, patrino de nia simpatia samideano Kolonelo Vermeulen.

La venerinda mortintino atingis la aĝon de 90 jaroj.

B. E. respektplene kondolencas la estimaton Kolonelon kaj lian parencaron.

### EUGÈNE LANDOY

La malgaja eskcio de la morto de S-ro Eugène Landoy, ĉef-redaktoro de la Antverpena gazeto « Le Matin », dolore trafis la belgajn esperantistojn.

La bedaŭrata mortinto estis unu el le unuaj jurnalistoj kiuj diskonigis la rimarkindajn ecojn, la grandegan utilecon kaj la altan celon de Esperanto.

La multnombraj artikoloj, kiujn li dediĉis al Esperanto en « le Matin » atestas profundan konvinkon, kaj la viglan entuziasmon, kiun naskis en li la grandaj kaj noblaj ideoj.

Eugène Landoy mortis le 22an de Junio en 52 jara aĝo.

La belgaj esperantistoj, speciale la Antverpenaj, kiuj ricevis de li multajn kaj gravajn servojn, religie memoros la koran, kleran viron kiu estis Eugène Landoy, kaj nia jurnalo certe estos ilia interpretanto, prezentante al la ploranta vidvino kaj al la funebrantaj infanoj, plej sincerajn kaj respektplenajn kondolencojn.

B. E.

## DIVERSAJ INFORMOJ

En la rondiranta gazeto « Kunfratiĝo » kies celo estas perfektiĝi en Esperanto per reciproka korektado, mankas tri belgaj anoj. Oni deziras komencantajn esperantistojn prefere el Ostendo, Verviers, Lieĝo aŭ Charleroi, aŭ samprovincaj komunumoj. Sin turni al S-ro advokato **L. Cogen**, Slijpstraat 61, Gent (Gand).

— **La jara Kongreso de la Federacio de l'Norda regiono (Franclando)** okazos en Condé la Dimanĉon 25an de Julio (ne la 25an de Junio kiel estis dirita en nia lasta numero).

La programo enhavas i. a. krom la kunvenon : Oficialan akcepton de l'urbestraro, festenon, koncerton, balon kaj promenadojn en la arbaro kaj urbeto Bonsecours (Belgujo) Pro la proksimeco de la kongresurbo, ni esperas ke multaj el la belga samideanaro partoprenos tiun propagandan feston.

— **Esperanta Ekspozicio dum la 5a kongreso en Barcelono.** — La societo « Paco kaj Amo » petas la esperantistajn grupojn, ke ili sendu al ĝi : societan sigelon sur folio da papero, broŝurojn, poŝtkartojn, regularojn membrokartojn k. c. Adreso : Strato Angel 67, 2°, Barcelona-Gracia (Hispanujo).

— « **La universala Studenta Unio** » definitive organiziĝis. Jen la kunmeto de ĝia komitato :

*Prez.*, I. Eydelmanth, stud. med. Poste restante, **Lausanne** (Svisl.)
*Vic. Prez.*, L. Rosenstock, stud. jur. 1, Lubicz, **Krakow** (Austrio).
*Sekr.*, J. de Bulyòvszky, stud. med. Nagymezö-u, 12 **Budapest** VI.
*Kas.*, M. Levy, stud. jur., 7, Porte à Meuse, **St Mihiel** (Meuse-Francl.)
*Komitatanoj*, Christi, Skoveien 17 II **Kristiania**.
Mattes, Alpenstr. 9 **Zürich**.
L. Lustig, Katerinaska Str. 15, Praha II (Bohemujo).

Manko de loko al ni malhelpas enpresi la alvokon de la komitato al la belgaj kolegoj. Ĉiuokaze la belgaj gestudentoj kiuj sin interesas pri la « U. S. U. » kaj deziras la efektivigon kaj sukceson de vera internacia studenta familio sin turnu al S-ro M. Levy, 7 Porte à Meuse, St. Mihiel (Meuse-Francl.).

—**La UNUA INTERNACIA AERVETURADA EKSPOZICIO** en Frankfurto apud Majno (Germanujo) okazos en la tempo de la 10a de Julio ĝis fino de Oktobro nunjare, en halo precipe konstruita por tiu ĉi celo kaj estante la plej granda halo de la tuta mondo.

En tiu ekspozicio estos prezentotaj kelke da grandaj direkteblaj motorbalonoj kaj ankaŭ granda nombro de konataj kaj ĝis nun sukceshavintaj flugmaŝinoj ; la granda, tre bone konata aerŝipo de Grafo Zeppelin, la pligrandigita direktebla balono de Majoro Perseval, la flugmaŝinoj de Wright, Farmann ktp. havos precipan atenton de ĉiuj interesuloj.

Multnombraj modeloj montros modernajn kaj antikvajn konstrukciojn de aerveturiloj.

Krom tio oni povos trovi multe da objektoj, tuŝante la aerveturadon ; t. e. : instrumentojn por la meteorologio, motorojn por aerŝipoj, propelojn, balonkanonojn ktp.

Samtempe kun la severaj aspiradoj de l' ekspozicio ankaŭ ekzistos grandaj kaj multaj amuzajoj, rilate al la aerveturado (aerŝipa karuselo, ŝiparaj ludoj kun helpo de aerŝipo ktp. ).

Dum la ekspozicio la vizitontoj havos okazojn por flugi per motorbalonoj en la ĉirkaŭajojn de Frankfurto, ankaŭ oni povos ĉeesti je la diversaj konkursveturadoj, por kiuj ekzistas granda nombro de multvaloraj premioj.

Antaŭvideble la vizito de la ekspozicio estos ne nur tre grava, sed ankaŭ tre internacia, kaj la administrado de la ekspozicio uzas la helpon de la esperantistoj. La Frankfurtaj esperantistoj havos pro tio publikan oficejon en la ekspozicio mem.

— La **Esperantista Laboristaro**. — Tiu societo konigas al ni sian fondon. Ĝia celo estas propagandi Esperanton inter la laboristoj (socialistaj grupoj, sindikatoj, kooperativoj). Ĝi volas krei en ĉiu lando sekcion aŭ filion. Ĉiuj interesatoj petu la regularon al la Esperantista Laboristaro, 23, Rue Boyer, Paris. —

— La « **Societo Esperantista de kolektistoj** » fondiĝis en Konstantinopolo por diskonigi Esperanton ĉefe en Turkujo kaj samtempe por diskonigi la kolektadon de poŝtkartoj, leteroj, poŝtmarkoj k. t. p. Kotizajo : Fr. 5. — Adreso : Deutsche Post, Pera-Konstantinopolo.

—**Avizo al la vizitontoj de Rotterdam.**— La Roterdama Societo Esperantista » kunvenas ĉiujaŭde en Granda Hotelo Coomans. Ĉe tiu hotelo oni ĉiam povas akiri informojn pri la urbo.

— S-ro **V. Jörgensen**, Gothaalsgade no 20 II, Odense (Demlande) deziras korespondi kun esperantisto kiu havas poŝtkolombojn.

Deziras korespondi per illustritaj poŝtkartoj :

S-ro **Fred. Knovolan**, 4145 Jirard Ave., Philadelphia, PA,. U. S. A.

S-ro Geo. **H. Appleton**, Lynchburg, V., U. S. A.

Kun laboristo : S-ro **C.C. Briggs** Acorn Place, Des Moines, Iowa, U. S. A.

# BELGA KRONIKO (1)

**ANTVERPENO.** — La 5a de Majo, S-o Flor. De Keyser fondis en la Suda kvartalo de la urbo novan grupon : « Suda Lumo » — La sidejo de tiu grupo estas en trinkejo « De Kraan » angulo de la Balans-kaj De Braekeleer stratoj.

Samtempe kun la fundo de « Suda Lumo » komenciĝis kurso, kiun sekvas 20 lernantoj.

**BOOM.** — En sia lasta kunveno, la Boomaj Grupanoj aŭdis interesplenan paroladon de sia prezidanto, S-ro Julio Clerbaut. La subjekto estis « Tra Svislando ». Per bela kolekto da vidkartoj, fotografajoj kaj lumaj projekcioj la simpatia parolanto pritraktis la de li faritan vojaĝon kaj sukcesis plene ĉarmi sian aŭdantaron dum pli ol unu horo, rakontante pri la ĉefaj vidindaĵoj de tiu pentrinda lando.

**BORGERHOUT.** — La somera kurso bone sukcesas.

La grupo « Laboro » intencas organizi grandan propagandan feston en Borgerhout. Por certe sukcesi ĝi bezonos la sindonan kunhelpon de geesperantistoj el Antverpeno kaj ĉirkaŭaĵoj. Tiuj kiuj volas kunlabori al tiu festo estas petataj sendi sciigon pri tio al S-ro M. Roe, Krügerplaco 23. (Se eble ili aldonu la titolon de la kantota aŭ deklamota verko).

Helpu la Borgerhout' ajn esperantistojn !

**BRUĜO.** — Laŭ peto de la Prezidanto de « Asocio de la Instruistoj de Bruĝo kaj de la ĉirkaŭajo », S-ro Witteryck, Prezidanto de la Bruĝa Grupo faras esperantan kurson al la membroj de de nomita asocio.

Tiu kurso okazas ĉiusabate je la 2 1/2a posttagmeze en la sidejo de l'Asocio, Gouden Arend, Muntplaats, kaj ĝi estas sekvata de trideko da personoj.

**BRUSELO.** — Antaŭ kelkaj tagoj fondiĝis en Bruselo nova esperantista societo sub la nomo « Nova Pioniro ».

La grupo jam enhavas 40 membrojn, kiuj elektis jene sian komitaton: Prezidanto, S-ro Berger ; Vicprezidanto, S-ro Verbanck : Sekretario, S-ro Blaise ; Kasistino ; F-ino Tontor.

« Nova Pioniro » estas fidela grupo. Inter sia anaro troviĝas tre lertaj kaj fervoraj samideanoj. de kiuj oni povos esperi efikan propagandon en la ĉefurbo.

Bonvenon kaj longan vivadon al la « Nova Pioniro » !

**GENTO.** — La 27an de Junio 1909 estos vere memorinda tago por la belgaj esperantistoj ; ĉar dum niaj samcelanoj estis kunigitaj en Verviers kelkaj tre fervoraj samideanoj kunvenis en Gent (Gentbrugge), okaze de la vilaĝfesto. La muzikistoj de la instituto de Woluwe St Lamberto, estis petataj ludi koncerton en la homplena vilaĝo Gentbrugge. Tiuj kuraĝaj blindaj muzikistoj, estis kondukataj de sia muzikestro, frato Juliano, kaj kelkaj aliaj fratoj, inter kiuj ni renkontis fraton Isidoron, la klera esperantisto tre konata, kiu estis feliĉa konatiĝi kaj interparoladi esperante kun la kelkaj gentaj grupanoj. Poste li prezentis al ni diversajn esperantistojn blindajn kiuj tre flue parolas la interesan helplingvon, kaj la amaso da popolo miregis pro la amika interparolado kiu sekvis el tiu kunveno.

Post la koncerto, la gentaj adeptoj kondukis siajn amikojn ĝis la Centra Stacidomo, kie oni ankoraŭ interparoladis flue kaj intime, kaj antaŭ la forveturo de la vagonaro, ili ludis la tre konatan muzikajon : *Kie oni povas esti pli bone, ol inter siaj bonaj amikoj*, fine la horo de la deiro eksonis, oni sin premis la manojn kaj ĉiuj buŝoj elparolis la saman krion : *Ĝis la revido ! Vivu Esperanto !* La publiko kiu treege miris pri tiuj amikegaj salutoj, poste demandis al ni per kia lingvo ni paroladis ; ni feliĉe klarigis ĉion kaj ni enkondukis kelkajn interesiĝantajn personojn en nian grupejon, kie ili promesis al ni aliĝi nian grupon kaj sekvi la malfermotan kurson. — **(La Gentaj grupanoj).**

**IKSELO (Elsene)** La monata revuo de la « Teaching Club » (15a, de Aprilo) enhavas tre interesan artikolon skribitan de nia lerta samideanino F-ino Clotilde Simon.

F-ino Simon paroladis en Ikselo pri Esperanto je la 6a de Majo kaj malfermis tie senpagan kurson, kiu tre bone prosperas : 40 gelernantoj ĝin ĉeestas.

---

(1) La grupoj estas petataj sendi siajn informojn al la subskribinta raportanto, plej malfrue la 5an de ĉiu monato kaj ankaŭ la ĵurnalojn de sia urbo aŭ regiono, enhavantajn artikolojn pri Esperanto.

Adreso : **Vondelstraat, 20, Antwerpen.**

**LIEĜO.** — Jam de kelka tempo fondiĝis en Lieĝo la grupo « Verda Stelo », kiu jam enhavas dudekon da anoj. La Prezidanto de tiu nova grupo estas S-ro Simon Vatriquant, kaj la Sekretario S-ro Louis Van Aubel 40, Rue sur la Fontaine.

La 26an de Junio tiu grupo aranĝis kunvenon kaj akceptis la Antverpenajn samideanojn kiuj, irantaj al la 1a belga kongreso, trapasis Lieĝon.

*Lieĝa Grupo Esperantista.* — Tiu grupo, kies sidejo estas nun : *Instituto Paumen*, 36, Rue André Dumont, rekomencis seriozan propagandon. Ni sendas al niaj lieĝaj samideanoj nian plej sinceran bondeziron por la sukceso de iliaj klopodoj. La L. G. E. kunmetis jene sian Komitaton : Prezidanto, S-ro L-to K-lo E. de Troyer. Vicprezidanto : S-ro Hoyois, Sekretario Kasisto, S-ro Louis Van Aubel ; Komisario : S-ro Sim. Vatriquant.

La Lieĝaj esperantistoj kunvenas en sia sidejo ĉiulunde kaj ĉiuvendrede je la 8a vespere. Ili kore invitas ĉiujn samurbajn kaj fremdajn samideanojn.

**VERVIERS.** La *Verda Stelo*, esperanta sekcio de la sobreca societo « Le Bien Social », elektis sian komitaton jene :

*Prez.* Joseph Pirnay, rue Xhavée 9, Verviers.
*Sek.* Camille Rogister. 102, rue Lambermont, Ensival.
*Kasisto* : Henri Gierkens, Rue Marie Henriette, Verviers.
*Komisarioj* : Henri Bernard, Rue des Raines, 42 Verviers.
Alfred Santhoin, Rue des Raines. 75, Verviers.

Tiu grupo komencis novan kurson. **O. Van Schoor**

---

# Het Esperanto in den Vreemde[1]

**Ve Internationaal congres van Esperanto, te Barcelona.**

Het bepaald programma van het congres is nog niet vastgesteld. Ziehier de voorloopige schikkingen :

**Zondag, 5n September.** — 10 u. vm. : Plechtige ontvangst van Dr Zamenhof in de spoorhalle. Allerlei feesten in de stad.'s Avonds : ontvangst en feest ten Stadhuize.

**Maandag, 6n September.** — 's Vòòr- en 's namiddags plechtige officieele zittingen in het Paleis van Schoone Kunsten. 's Avonds : concert ingericht door de maatschappij *Orfeo*.

**Dinsdag, 7n September.** — Voormiddag : Plechtige zitting van U.E.A. Namiddag : bijzondere zittingen. wandelingen door de stad. 's Avonds : esperantisch concert.

**Woensdag, 8n September.** — Voormiddag : Militaire mis in open lucht. Oefeningen door de verplegers van het Roode Kruis. Namiddag:Feest der Bloemenspelen.

**Donderdag, 9n September.** — Voormiddag : Openbare zitting der esperantische academie. Namiddag : uitstapjes.'s Avonds : verlichting, concert, feestmaal in open lucht.

**Vrijdag, 10n September.** — Voormid. : openbare plechtige zitting der « Scienca asocio ». Namid. : bijzon-

(1) Uit hoofde der uitgebreidheid van het artikel over het congres van Verviers hebben wij deze rubriek noodzakelijk moeten inkrimpen.

# L'Esperanto à l'Etranger[1]

**Ve Congrès international d'Esperanto, à Barcelone.**

Le programme définitif du congrès n'a pas encore été arrêté. En voici les dispositions provisoires :

**Dimanche, 5 Septembre.** — 10 h. du matin. Réception solennelle du Dr Zamenhof à la gare. Fêtes diverses en ville. Dans la soirée : réception et fête à l'Hôtel de Ville.

**Lundi, 6 Septembre.** — Dans la matinée et l'après-midi : séances solennelles d'ouverture au Palais des Beaux-Arts. Le soir : concert organisé par la société *Orfeo*.

**Mardi, 7 Septembre.** — Dans la matinée : séance solennelle de U.E.A. L'après-midi : séances spéciales, promenades à travers la ville. Le soir : concert espérantiste.

**Mercredi, 8 Septembre.** — Dans la matinée : messe militaire en plein air. Exercices des brancardiers de la Croix-Rouge. L'après-midi : jeux floraux.

**Jeudi, 9 Septembre.** — Dans la matinée : séance publique de l'académie espérantiste. L'après-midi, excursions. Dans la soirée : illimination, concert, banquet en plein air.

**Vendredi, 10 Septembre.**— Dans la matinée : séance publique solennelle de la « Scienca Asocio ». L'après-

(1) Par suite de l'extension de l'article sur le congrès de Verviers nous avons été obligés de réduire cette rubrique.

dere zittingen, uitstapje naar Villassar de Mar. 's Avonds : Dansfeest in nationale kleederdrachten in het Paleis der Schoone Kunsten.

**Zaterdag, 11n September.** — Voormid.: laatste bijzondere zittingen. Namidd. : plechtige sluitingszitting in het Paleis van Schoone Kunsten.

---

Na het congres zullen verschillige uitstapjes ingericht worden : naar Montserrat, de Balearische Eilanden, naar het Zuiden van Spanje : Valentia, Murcia, Sevilla, Cordova — en naar Madrid.

De Fransche spoorwegmaatschappijen geven 50 °/o afslag. In Spanje zijn de reiskosten, heen en weer, geldig tot 1n October van Port-Bou (grensstatie) tot Barcelona : 1e klas, 22.30 pesetas ; 2e klas, 17.15 pesetas en 3e klas, 10 pesetas.

De peseta geldt nagenoeg 90 centiemen.

Een bijzonder comiteit zorgt voor het verblijf en de voeding der congressisten. De prijzen zijn : voor de 1e klas fr. 12,50 per dag, voor de 2e klas fr. 7,50 en voor de 3e klas 5 fr.

De biljetten, die recht geven tot deze voordeelen zullen in het « Akceptejo » van het congres overhandigd worden. Zij moeten aangevraagd worden aan het bureel van « La Revuo », 79, Boulevard St-Germain, Parijs.

Alle inlichtingen wegens het congres worden daarenboven verstrekt door den ondergeteekende

midi : séances spéciales, excursion à Villassar de Mar. Dans la soirée : bal en costumes nationaux au Palais des Beaux-Arts.

**Samedi, 11 Septembre.** — Dans la matinée : dernières séances spéciales. L'après-midi : séance de clôture solennelle au Palais des Beaux-Arts.

---

Après le congrès seront organisés diverses excursions : à Montserrat, aux Iles Baléares, au Midi de l'Espagne: Valence, Murcie, Séville, Cordoue — et à Madrid.

Les sociétés de chemins de fer françaises donnent une réduction de 50 °/o. En Espagne les frais de voyage, aller et retour, et valables jusqu'au 1 octobre sont : de Port-Bou (gare-frontière) à Barcelone en 1re classe 22.30 pesetas, en 2me 17.15 pesetas et en 3me 10 pesetas.

Le peseta équivant approximativement à 90 centimes.

Un comité spécial soigne pour le séjour et la nourriture des congressistes. Les prix sont : pour la 1re classe fr. 12.50 par jour, pour la 2me fr. 7.50 et pour la 3me 5 francs.

Les billets qui donnent droit à ces avantages seront remis à « l' Akceptejo » du congrès. Ils doivent être demandés au bureau de la « Revuo », 79, Boulevard St-Germain, Paris.

On peut du reste se procurer tous les renseignements quant au congrès en s'adressant au soussigné

Oscar VAN SCHOOR.

---

# LITERATURA PARTO

# LA UNUAJ KLIENTOJ

EL « ERNEST STAES »

DE

TONY BERGMANN (1)

Tony Bergmann, advokato en Liero, dediĉis sian libertempon al la literaturo, skizante figurojn kaj scenojn el la ĉirkaŭanta vivado. Lia ĉefverko « *Ernest Staes* » estas nek romano nek poeziigita rakonto, sed ĝi konsistas el pentrajoj aŭ rememoroj el liaj junaj jaroj. Ili estas tiel nature, tiel simple rakontitaj, kun tiu respekto kiun ni sentas por antikvajoj, ke ĉiu leganto plezure retrovas en ili ion el sia pasinta juneco. Tio eble kaŭzis la sukceson de tiu verko, ĉar ni ordinare rimarkas tiujn simplajn, ĉiutagajn okazintajojn nur kiam ili jam de longe estas pasintaj kaj sin montras al ni kun la sorĉigaj koloroj de l' forflunginta feliĉo.

---

...Dume, mia provtempo proksimiĝis al sia fino, kaj kiam mi reiris Bruselon, mi devis ekloĝiĝi kiel *Majstro Staes, advokato*. Mi elektis ĉambraron je l' angulo de l' Imperiestrostrato,

(1) Kun afabla permeso de S-ro A. J. Witteryck transpresita el « Paĝoj el la Flandra literaturo. »

ĉe *Monsieur Lefinaud, tailleur de Paris,* naskiĝinta en Schaarbeek (1), kiu sin vestadis kvazaŭ ambasadoro, kaj akceptadis siajn klientojn en salono kun tapiŝoj, orumitaj speguloj kaj veluraj seĝoj.

En la unua etaĝo li havis ĉambraron lueblan, konsistantan el du grandaj apudaj ĉambroj, flanke de la strato, kaj malgranda ĉambreto, je l' alia flanko.

Tiu ĉi divido estis bonege farita: La unua ĉambro, havanta amerikledajn meblojn, tapetita per bruna papero kaj malhelaj kurtenoj, estus la parolejo. En la duan ĉambron oni povus meti bibliotekon kaj meze, skribotablon : tiu ĉi estus la studoĉambro de l'advokato, kiu dormus en la ĉambreto.

Je l' unua ekvido mi estis venkita.

*Monsieur Lefinaud* tuj vidis tion.

— « Vi ne povus loĝi plibone, Sinjoro, » li diris tiel konvinke, ke li permesis nenian kontraŭdiron. « Via Sinjora Moŝto diris al mi, ke Li estas advokato Nu, bonvolu nur elvidi tra tiu ĉi fenestro : la marmoraj kolonoj, kiujn vi vidas tie, estas la enirejo en la juĝejon. Ĉiu, kiu havas ian rilaton kun la juĝistaro, devas antaŭpasi tie ĉi, kaj, kompreneble, sonorigas ĉe l' unua leĝisto, kiun li renkontas sur sia vojo. »

Cu tio estas tiel klare komprenebla, estas alia demando, sed la argumento faris impreson sur mian onklinon, kiu entreprenis por mia elektiĝo, la grandan vojaĝon al Bruselo. Ŝi kuraĝis fari nur malgrandan rimarkon pri la prezo. Ŝi devis marĉandi, kiel ĉiuj virinoj.

*Monsieur Lefinaud* metis siajn dikfingrojn sub la brakojn kaj ekludis per la aliaj fingroj galopon sur sia fajroruĝa veŝto.

— « Sed la situacio, Sinjorino ! » li ekkriis. « Mi diras al vi nur tiun ĉi unu vorton : la situacio ! Tio estas ĉio en granda urbo. Bona situacio : riĉeco ; — malbona : malriĉiĝo kaj ban... kroto ! » — Kaj la tajloro, fiera, ĉar li konas tiajn sonorajn vortojn, kiel eble plej multe longigis la vorton.

— « Kaj bankroto ! » li diris denove, dum liaj fingroj reekludis sian dancon sur la ruĝa veŝto.

Mia onklino ŝanceliĝis ; la prezo superis ŝiajn kalkulaĵojn : kaj ŝi ekrigardis ĉirkaŭ si, por vidi ĉu nenio estas kritikebla aŭ mallaŭdebla.

*Monsieur Lefinaud* vidis ke la momento venis por frapi grandan frapon.

— « Sinjorino », li diris grave, levante siajn fingrojn kaj ĉesigante ĉian malseriozan movon, « nur por via profito mi ja parolas. Luigi mian ĉambraron mi povas centfoje, se mi volas. Sed tio estus bedaŭrinda. Tiuj ĉi ĉambroj estas kvazaŭ faritaj por leĝisto. Antaŭe, ankaŭ nova advokato loĝis tie ĉi. Li estis nekonata kaj devis atendi klientaron, sed li estis laborema kaj lerta kiel Via Moŝto, — kaj ĉiu, kiu konas la ĉefurbon, povos diri al vi, kia fama advokato S-ro Duruisseau fariĝis, kiu humile komencis tie ĉi. »

Tiu ĉi argumento estis decidiga.

Tie, kie Majstro Duruisseau fariĝis fama, kial ne sukcesus Ernest Staes ? Mia onklino konsentis : la nova advokato ekloĝiĝis

Apud la muro estis metata la biblioteko, en la mezo de l' ĉambro la skribotablo, kaj malantaŭ ĝi en larĝa apogseĝo la leĝisto, havanta la plumon sur la orelo, la leĝlibron en

(1) Antaŭurbo de Bruselo.

la mano, preta por doni avizojn, skribi aktojn, fari procesojn, redakti konkludojn kontraŭ ĉiu.

Nur mankis al li.... aferoj kaj klientoj.

Certe, la situacio estis bonega.

Li vidis la kolonojn de l' juĝejo, li vidis la pli maljunajn kunfratojn suprenirantajn la ŝtupojn, kliniĝante sub la pezo de la procesaktojn; li vidis eĉ la procesantojn... preterpasantajn lian domon; sed tio estis ĉio: neniu frapis ĉe lia pordo.

La kvaronjaro proksimiĝis al sia fino.

*Monsieur Lefinaud* alportis sian kalkulon, sed devis ankoraŭ anonci la unuan vizitanton.

— « Eble la situacio ne estas tiom bona kiom vi pensis », mi rimarkis.

— « Ho, *Monsieur* ! » respondis la tajloro.

— « La klientoj tamen ne ŝajnas koni la tien kondukantan vojon », mi diris ridetante.

« Tio ne povas veni tiel rapide, » rediris la dommastro, « sed se Via Moŝto ĝin permesas al mi — estas nur demando — ĉu Via Moŝto ne tenas sin tro humile, tro trankvile ? En granda urbo oni bezonas iom da bruo, iom da orumaĵo, da pligrandigo. Vidu, Sinjoro, kiam mi tie ĉi komence loĝiĝis, okazis al mi samaĵo kiel al vi. Ŝajnas al mi, ke dum dek-kvar tagoj mi ne prenis mezuron eĉ por du personoj, mi, kiu havis en Schaarbeek tiajn bonajn klientojn...» kaj *Monsieur Lefinaud* ĉarme ekludis kun sia metra rubando, kiu ĉiam pendis ĉirkaŭ lia kolo.

— « Sed, amiko Lefinaud, » diris al mi unu el ili, « mi eraris almenaŭ trifoje, antaŭ ol trovi vian domon. Kiu, ĉielo ! povas diveni, ke vi loĝas tie ĉi ? »

« Tiu ĉi rimarko estis por mi lumradio. »

« La sekvantan tagon, ĉiuj fenestroj estis plenaj je modfiguroj kaj sur mia pordo brilis kupra lado kun la vortoj : *Tajloro por civiluloj kaj militistoj...* kaj de tiu tago mi iĝis alpentri ankoraŭ multon germane kaj angle, » diris ridante la tajloro.

— « Mi tamen ne povas anonci *Advokato por civiluloj kaj militistoj,* » mi rimarkis.

— « Tion ja mi scias, Sinjoro, io simila estas bona por nia metio. Advokato devas agi pli diskrete, kaj lado ŝajnus tro komerca. Sed vi pentrigus ekzemple per malgrandaj literoj vian nomon ĉirkaŭ la sonorileto aŭ sur la pordfosto, tiel ke tio ŝajnus pli averto por personoj, kiuj povus erari, ol alvoko al la publiko. Se Via Moŝto volas ?... »

Mi iom kontraŭparolis, sed *Monsieur Lefinaud* opiniis, ke li povas preterpasi, kaj la sekvantan tagon oni legis, ĉirkaŭ la domsonorileto en skribitaj literoj : *Sonorigu dufoje por S-ro E. Staes, Advokato.*

Du horoj ne estis pasintaj, kiam mi aŭdis la sonorileton tinti dufoje, kaj ĉe la ŝtuparo eksonis la voĉo de *Monsieur Lefinaud* : « Sinjoro Advokato, en la unua etaĝo. »

Mi sidiĝis rapide malantaŭ mia skribotablo, malfermis multepezan Roman leĝolibron kaj metis la manojn en la hararon kiu, malordigita kaj interplektita, atestis zorgadon kaj studon.

Ia sinjoro, kun granda paperujo sub la brako, alproksimiĝis, tenante sian ĉapelon en la mano.

Mi stariĝis duone el la apogseĝo kaj petis mian vizitanton ke li sidiĝu kaj klarigu al mi sian aferon.

— « Sinjoro, » li diris iom time « mi estas la riprezentanto

de l' firmo *Raibaud kaj K-io*, el Parizo, kiu eble estas konata de vi. »

— « Bonege ! » mi pensis, « Pariza firmo kiel unua kliento, tio faros min konata de ĉiu. »

— « Certe, » mi aprobis, « tiu ĉi nomo ne estas nekonata de mi, » kvankam mi sciis nenion pli pri la firmo Raibaud, ol se ĝi estus sur la luno.

— « Ni havas, » li daŭrigis, « ĉiujn verkojn pri la leĝoscienco kaj estas la ĉefaj vendantoj de l' granda *Enciklopedio de la Leĝoscienco*, la ĝenerala leĝa vortaro, kiun ĉiu advokato, ĉiu juĝisto, eĉ ĉiu juĝa persekutisto bezonas » kaj li ekrigardis ironie mian bibliotekon, en kiu kelke da verketoj maldikaj kaj malnoviĝintaj havis pli o! la necesan spacon.

Mi ne volis nei la utilon de l' *Enciklopedio*, sed en la tiama momento mi opiniis, ke mi ne tiom bezonas ĝin.

Kiel ĉiuj verkoj pri leĝoscienco, la Enciklopedio estis treege multekosta. Tiu sinjoro estis sufiĉe senhonta por proponi ĝin al mi por okcent frankoj ! kaj mia onklino faris tiom da malfacilaj oferoj por aĉeti miajn mebletojn !

— « Se vi ne prenas la Enciklopedion, vi sendube bezonas la *Novan Komentarion pri la civila leĝaro ?* »

— « Senutile, » mi respondis.

— « Binditan, kun ĉiuj notoj ? »

— « Ankaŭ ne. »

— « Almenaŭ la *Klarigojn pri la punleĝaro* kun ĉiuj raportoj... aŭ ĉiuokaze la *Novan Hipotekleĝon* kun ĉiuj paroladoj kaj diskutoj... aŭ... »

Mi ĉiam kape neis ; sed li ne tiel facile ĉesis, kaj mi estis devigata aŭdi ankoraŭ la titolojn de dudeko da verkoj, ĉiuj necesegaj por advokatoj kaj juĝistoj, notarioj kaj juĝaj persekutistoj, binditaj kaj ne binditaj, kun kaj sen notoj, antaŭ ol li kolektis siajn paperojn kaj foriris, lasante sur mia tablo dekon da prospektoj.

— « Nu ? » — Kaj *Monsieur Lefinaud* pasigis sian buklharan kapon tra la pordofendo. — « Kion mi diris al vi ? Ĉu la literoj ne faras sian impreson ? »

Li frotis siajn manojn kaj ridante paŝis tra la ĉambro.

— « Jes, sen bruo, sen reklamo, » li daŭrigis, « oni restas forgesita, perdita en la mondo. La anonco estas la reĝo de nia centjaro kaj la ladeto estas lia ĉefministro ! » Kaj Sinjoro Lefinaud fine haltis, atendante ke mi festos kun li la venkon de la nompentrigo.

Estis tre malagrable por mi, ke mi devis forpreni la iluzion de la ravita viro.

Kaj kiam mi klarigis al li, ke la sinjoro, kiun li anoncis tiel brue, estas nur librovendisto, kiu volis perlabori ion — akurate kiel mi, — lia entuziasmo subite falis kaj li ne sciis, kion li devas eltrovi por ke mi daŭrigu mian konfidon al liaj rimedoj.

Tiaj klientoj ne mankis plu al mi.

Pianistoj kiuj organizas koncerton, verkistoj kiuj presigas sian unuan libron, Flamingantoj kun monoferlisto, Izraelidoj kun nova eltrovaĵo, vinvendistoj ĵus alvenintaj el Bordeaux, malfeliĉuloj kiuj nur sincere petas almozon, malriĉuloj kiuj tiras je ĉ u sonorileto, — neniu el ili preterpasis la Imperiestrostraton, ne sonorigante dufoje al *S-ro E. Staes, Advokato.*

Esperantigis **Amatus.**

